XXª jaro. Nº 284 (4) ☆ Monata ☆ Aprilo 1924

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. |

*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

| | |
|---|---|
| Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.— Fr. Sv. |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Fr. Sv. |
| Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Fr. Sv. |

*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15ª de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion*



## La programo de la Ĝeneva kunveno.

Ni presigas interesajn raportojn kaj proponojn ricevitajn por submeti al atenta konsidero de la partoprenontoj en la Ĝeneva kunveno, 21—23 Aprilo 1924. Ili ekzamenas iom severe kaj kritike la nunan staton de nia movado, ne por malkuraĝigi iun ajn, sed kontraŭe por akceli pli bonan, pli taŭgan kreskon de nia afero en la tuta mondo

Same kiel estas tempo por ridi kaj tempo por plori, tempo por semi kaj tempo por rikolti, estas ankaŭ tempo por laŭdi kaj tempo por kritiki. La Ĝenevaj kunsidoj ne celas reciprokan interkomplimentadon Ili celas seriozan ekzamenon de kelkaj urĝaj bezonoj. Pro tio necesis klare konstati kaj mezuri la mankojn La saĝa instruo „konu vin mem" ankaŭ aplikiĝas al la esperantistaro

Oni do ne malgajiĝu pri tiu aŭ alia paragrafo de la raportoj vidante pesimismon tie, kie estas nur utila kaj necesa atentigo. Se D-ro Dietterle prave plendas pri nesufiĉaj statistikoj aŭ S-ro Hromada pri nesufiĉa gazeta informado, tio ne signifas, ke mankas materialo por klasigi aŭ faktojn por anonci

Tute kontraŭe, la esperantista movado kaj literaturo kalkulas jam riĉan amason da spertoj kaj verkoj, sed ne sufiĉe konatan, ne sufiĉe registratan. Se la konferencoj en Ĝenevo kaj Venezia tiom utilis, tio estas antaŭ ĉio ĉar ili kolektis kaj ordigis dokumentojn iom precizajn

Kiam oni povos legi plenan bibliografion de Esperanto-literaturo, tiam oni konstatos, ke eĉ sole per nia lingvo ĉino aŭ japano povus akiri jam tre vastan konon pri la okcidenta kulturo ĝenerala. Samtempe oni tuj rimarkos, ke mankas ankoraŭ la reciproko pri oriento kaj ankaŭ la preskaŭ tuta fundamenta verkaro de moderna scienco kaj tekniko Tie kuŝas la morgaŭa laboro por igi nian lingvon vera trezoro por la homoj nesciantaj la anglan, francan aŭ germanan lingvon

Pri financoj la sumigo tute ne estas malkuraĝiga Male, ĝi montras, ke la esperantistaro, kvankam malriĉa, kapablas elspezi ĉiujare pli ol miliono da svisaj frankoj por sia afero. Sed ĝi ankaŭ montras kiom dise kaj ofte iom vane tiu vasta mono konsumiĝas.

La Ĝenevaj kunsidoj tute ne povas dekreti ordonojn aŭ krei subite miraklojn kvazaŭ el Olimpa kunveno ĉiopova. Ili povas nur klarigi certajn faktojn kaj helpi, unu per la aliaj, iom pli metodan agadon en du aŭ tri kampoj. El financa vidpunkto ili devos konsideri kiaj elspezoj estas nepre esencaj kaj kiaj ne. Tiam la enspeza problemo ankaŭ faciliĝos.

Pri la jenaj apartaj temoj estas tre dezirinde, ke la naciaj reprezentantoj alvenu kun pretaj planoj pri partopreno: *La eksperimento de samtempa instruado komerca* (vidu la raporton de S-ro Edmonds), *la gazetservo* (vidu la raporton de S-ro Hromada), *la nacia varbado de membroj al UEA* (alportu spertojn kaj proponojn, ne pri alies lando, sed pri sia), *la statistiko kaj centra Biblioteko* (vidu la raporton de D-ro Dietterle), *la uzo de Esperanto en radio-telefonio* (vidu la proponon de S-ro Simeonov).

Ĝis la fino de marto jam anonciĝis reprezentantoj britaj, francaj germanaj, italaj. ĉeĥo-slovakaj svisaj, polaj, ĉinaj, japanaj. nederlandaj, hungaraj, rumanaj. Ni tre esperas, ke aliaj landoj sekvos.

La akceptejo malfermiĝos sabaton, 19 aprilo ĉe la Centra Oficejo de UEA, 12 Bd. du Théâtre. Dimanĉon, 20ªⁿ vespere, okazos familia teo ĉe la Ĝeneva grupo „Stelo" en Ecole Sociale, 6 rue Charles Bonnet. Lundon, 21 aprilo, malfermiĝos la kunveno en Palais Eynard je la 10ª matene. Tiam oni akceptos laborprogramon kaj dividon en komisionoj.

Al ĉiuj partoprenontoj ni deziras tutkoran bonvenon en Ĝenevo.

*Edmond Privat,* prezidanto de la Centra Komitato.



# RAPORTARO AL LA ĜENEVA KUNVENO



## Raporto pri la Brita Komitato por komerca mondlingvo.

Sekve de la Komerca Konferenco en Venezia, la brita delegitaro sukcesis fondi komunan komitaton de britaj komercaj organizaĵoj kaj komercistoj por efektivigi Rezolucion IX de la Konferenco, kiu petis la britan delegitaron klopodi por la disvastigo de la raporto pri la konferenco inter komercaj organizaĵoj tra la mondo, kaj ankaŭ por la organizo de internacia eksperimento pri la instruado de Esperanto al komercistoj diverslandaj.

Tiu komuna komitato sub nomo „Brita Komitato por Internacia Komerca Lingvo" konsistas el:

Komitato pri Komerca Instruado de *Londona* Ĉambro de Komerco (S-ro Charles H. Edmonds).

*Edinburgh* Merchant Company (S-ro Andren Wilson, C. E.).

Ĉambro de Komerco de *Hastings* (S-ro J. J. Boutwood, J. P.).

Ĉambro de Komerco de *Burnley* (S-ro W. B. Currie).

S-ro John Merchant (reprezentanto ĉe Venezia de Ĉambro de Komerco de *Sheffield*).

S-ro J. T. Holmes (reprezentanto ĉe Venezia de Ĉambro de Komerco de *Bradford*).

La Komitato nune klopodis pri la eldono de angla teksto de la raporto pri Venezia kaj per helpo de Brita Esperantista Asocio sukcesis presigi 10.000 ekzemplerojn de alloga 24-paĝa broŝuro, enhavanta la plenan raporton kun dokumentoj en la formo akceptita de la Komitato pri Komerca Instruado de Londona Ĉambro de Komerco.

Por la dissendo de la raporto la Komitato petis helpon de kelkaj naciaj Societoj Esperantistaj kaj sukcesis dissendi ĝin al Komercaj Ĉambroj diverslokaj, nome: usonaj 373: germanaj 180; kanadaj 56; aŭstraliaj 51; svisaj 36; entute 696.

La pluan dissendon rekte al komercaj ĉambroj momente malhelpas manko de mono en la kaso de la komitato. Aliflanke, la Brita Esperantista Asocio pere de ĝiaj grupoj kaj membroj jam disvastigis, precipe al individuaj komercistoj, 4617 ekzemplerojn.

Nun venis la tempo priparoli la Internacian Eksperimenton kaj por efike aranĝi tiun laboron, la komitato deziras havigi la konsilon kaj helpon de la Naciaj Societoj Esperantistaj en Ĝenevo, Paskon 1924.

La antaŭa eksperimento, aranĝita de S-ro S. R. Marshall, dum la milito, provizas bonan bazon por diskuto pri la detaloj kaj por ke oni pripensu la temon antaŭ la kunveno, mi resumas la metodon ĉi sube.

Oni starigu senpagajn kursojn (de 20 lernantoj) en kelkaj landoj dum oktobro por trimonata instruado pri la lingvo.

Tiuj kursoj okazu sub la aŭspicioj kaj kontrolo de reprezentanto de Komerca Ĉambro kaj de bonekonata gazeto.

Pri la starigo de la kursoj oni kiom eble reklamu en la gazetaro, unue por havigi lernantojn kaj due por altiri la atenton de la publiko al la Eksperimento.

La lernantoj se eble estu komercistoj diversspecaj.

Post la instrua periodo de tri monatoj la kursanoj diverslandaj interrilatiĝu unu kun alia pri komercaj aferoj por provi la efikecon de sia scio pri la lingvo kaj de ĝia taŭgeco por komercaj celoj.

La ateston de la kursanoj tiurilate oni kiel eble plej vaste dissendu por konvinki komercistojn pri la utileco de Esperanto.

*Charles H. Edmonds,*
Hon. Sekretario de Brita Komitato por Internacia Komerca Lingvo.

## Esperanto et Commerce.

Sekretariejo: 20 rue de l'Arc de Triomphe, Paris 17.

Laŭ la decidaĵoj en Helsinki, S-ro G. Delanoue, ĉefdelegito de UEA en Paris, komencis klopodi en komercaj rondoj por starigi komercan intereson pri Esperanto. Li unue interrilatiĝis kun S-ro André Baudet, S-ro Balliman, S-ro Warnier kaj aliaj esperantemaj komercistoj. Post kelkaj preparaj kunvenoj deko da komercistoj pretigis la statutojn de la estonta Asocio. Ili estis kuraĝigataj de la sukcesintaj eksperimentoj de la Paris'a Komerca Ĉambro kaj de la Konferenco en Venezia.

S-ro André Baudet faris paroladon pri Esperanto al cento da komercistoj, kunvenintaj 51 rue de Clichy, Salle de la Sté de Photographie; tuj poste ni ricevis dudekon da aliĝoj por la estonta asocio kaj la stariganta kunveno okazis en julio, ĉar ni decidis tuj komenci nian agadon, kvankam la someraj monatoj ne estas favoraj. (La unuaj varbaj elspezoj estis pagitaj de sindonemaj komercistoj, kaj de nia fondo, la ĉiutagaj elspezoj estis kompensitaj nur de la kotizoj (25 kaj 50 fr. fr.)

Niaj ĉefaj celoj estas:

1e Helpi al la disvastigo de l' franca komerco per Esperanto.

2e Plifaciligi la komercajn interrilatojn de niaj anoj per Esperanto, per informoj, tradukoj, ktp.

3e Helpi al pretigo de teknikaj vortaroj.

4e Faciligi al niaj anoj la scipovon kaj praktikan uzadon de Esperanto.

5e Klopodi por ke Esperanto estu baldaŭ tutmonde uzata por internaciaj interrilatiĝoj de transveturadaj, poŝtaj, telegrafaj, senfadentelefonaj administracioj.

Per interkonsento kun „France-Esperanto" tiu bulteno de la Francaj Esperantistaj Grupoj fariĝis ankaŭ Bulteno de nia Asocio kaj ĉiumonate disponigas du paĝojn al ni.

Kvankam la vintraj monatoj estis precipe dediĉataj al varbado de novaj membroj, ni komencis klopodojn por realigi niajn ĉefajn celojn. Ni kiel eble plej multe konigas nian Asocion en fremdaj komercaj rondoj por estigi komercajn interrilatojn kiuj povas esti reciproke utilaj al niaj anoj kaj ankaŭ al niaj fremdaj korespondantoj. Ĉiusemajna kunveno okazas en Café Zimmer, place du Chatelet, dum kiu ni parolas en Esperanto, por ke niaj anoj alkutimiĝu al korekta elparolo. Ni kompreneble jam tradukis leterojn kaj reklamilojn kaj tion senpage kiel eble plej multe faras. Ni pretigas mallongan esperantan komercan vortaron, entenontan nur porkomercajn vortojn kaj ampleksontan unu grandan duoblan paĝon (aŭ libreton kiel „ĉefeĉ" ŝlosilojn). Ni komencis interrilatiĝi kun Radio- (senfadentelefonaj) Administracioj, el kiuj tri favore respondis kaj promesis baldaŭ senpage pruntedoni al ni uzadon de iliaj aparatoj, por ke ni povu eldoni Esperantajn paroladetojn.

Konsiderante, ke la Estraranoj de nia Asocio estas okupegataj de iliaj propraj komercaj aferoj, ni povas jam ĝoji pri la unuaj rezultatoj de nia agado; sed multo restas farota, kaj multaj interrilatoj kun fremdaj komercaj rondoj helpos al nia agado estigonte praktikajn komercajn faktojn kaj rezultatojn kiuj plej forte impresos praktikajn homojn.

*

La nombro de niaj anoj el 20 atingis nun 70; 7 membroj estas membroj de la Paris'a Komerca Ĉambro. Aliaj estas Prezidantoj de Komercaj Sindikatoj.

# Statistiko kaj bibliografio.

## Urĝaj proponoj

*(Por la Konferenco en Genève kaj por la venonta tempo)*

de *D-ro Dietterle,* fakestro de C. K. pri statistiko, instruado kaj literaturo.

Kiel mia C. K.-kolego S-ro W. Page por sia fako, hodiaŭ mi turnas min al la esperantistaro pro mia fako, en kiu — laŭ decido de la XVa — mi devas zorgi pri statistiko kaj literaturo.

„Nia afero bezonas homojn kun ideala sentado!“ Pri tio nenia povas esti dubo. Tion mi konstatu antaŭe, por ke miaj vortoj ne estu miskomprenataj de la „idealistoj“ en niaj rondoj, kiuj tre ofte ne povas nek volas kompreni, ke ĝis nun neniu ajn ideala movado en la mondo venkis sen praktika laboro. Certe ankaŭ niajn aferon kaj movadon oni ne povos sukcesigi sen mallaŭta, regula, praktika, akurata, preciza laboro. La nura dumkongresa entuziasmo, la ekstazo de la „vivukriantoj“, la ĉiama aludo al nia interna ideo ne sufiĉe antaŭen marŝigas nin. Pli bone, ol per entuziasmaj vortoj pri la ideo [kiun mi tutkore konsentas] oni propagandas per konstato de simplaj faktoj, per kiuj oni povas montri la disvastigadon de nia lingvo. Do, ni bezonas simplajn, ordinarajn ciferojn pri la fakta nombro de la Esperantistoj ktp. en la mondo, t. e. statistikojn, ĝeneralajn kaj specialajn, kaj detalajn informojn pri nia literaturo, t. e. bibliografion.

Estas treege necese, paroli pri ĉi tiuj punktoj dum la venonta konferenco en Genève, kie K. R. espereble estos reprezentata per sufiĉe da naciaj reprezentantoj. Mi rezervas al mi, kiel al C. K.-ano, la rajton, paroli pri ĉi tiuj du aferoj pli detale dum la konferenco, paroli ankaŭ kritikante la ĝis nunan staton, ĉar ĝi bezonas kritikon. Ni devas eliri la ĝis nunan staton, dum kiu tre ofte bonvola objektiva kritiko estis rigardata kiel malbonintenca subjektiva ofendo. Ekzemple oni rajtas konstati, tute ne atakante iun ajn personon aŭ institucion, ke la ĝisnunaj statistikoj postmilitaj pri nia movado estis ne sufiĉaj — nesufiĉaj, ĉar ili ĉiam estis nekompletaj, ne sufiĉe konfidindaj, pli ofte faritaj laŭ takso ol laŭ preciza cifera kalkulado. Ankaŭ la statistiko de UEA ne sufiĉas. Mi povas konstati tion, sen timo vidi la UEA-estrojn ofenditaj per tia kritiko, ĉar ili mem partoprenas mian opinion, cetere sciante, ke la kulpo ne estas la ilia. Ni havas bonajn reĝisorojn por nia tutmonda dramo, elpensita de D-ro Zamenhof; ni bezonas multe da lertaj aktoroj sur la scenejo. Permesu la paradokson: sen statistiko ni restos staristoj! kaj la tutmonda aŭskultantaro aŭdas nenion.

Cetere, ankaŭ se la statistiko de UEA estus tia, kia ĝin deziras la Oficejo de UEA, ne povus esti dubo, ke ĝi estas, kvankam valora, tamen ne taŭga, por doni kompletan superrigardon pri nia movado, ĉar:

1. UEA estas nur unuiĝo de individuaj Esperantistoj kaj ne kaptas ĉiujn organizaĵojn.

2. UEA bedaŭrinde — tre bedaŭrinde! — enhavas nur malgrandan parton de la samideanoj.

Ja, se ni povus atingi la idealon, kiu estus atingita, se ĉiuj organizitaj Esperantistoj estus UEA-anoj!

La helpo de la naciaj asocioj [societoj, unuiĝoj, federacioj — la nomo ne estas grava!], la helpo de K. R. estas nepre necesa, por konstati kiom da Esperantistoj ekzistas en la mondo organizitaj kaj ankaŭ — se eble — kiom da neorganizitaj.

Do, mi permesas al mi la jenan proponon:

K. R. zorgu pri

### OFICIALA STATISTIKO

— ĉiu nacia asocio por sia lando — de nia movado sur la bazo de *komuna demandaro,* kaj zorgu, ke oni en ĉiuj landoj tuj komencu la laboron, decidante pri starigo de statistiko kaj pri kolektado de la materialo por la jaro 1924, ĉar por la jaro 1923 la afero bedaŭrinde ne plu estas aranĝebla. K. R. instigu siajn anojn, ke oni forsendu la responditajn demandarojn, je la fino de la jaro aŭ kelkajn tagojn post ĝi, al la nacia asociestro kaj ĉi tiu jam hodiaŭ donu la definitivan promeson, sendi la materialon al C. K., por ke oni povu prezenti la prilaboritan tutan materialon antaŭ la XVIIa kongreso 1925.

Mi kiel estro de la statistika fako de C. K. tre volonte prenos sur min la taskon prilabori la komunan demandaron kaj poste la tutan materialon.

Komence — por iom post iom eduki al pli detala laboro — sufiĉos tre simpla statistiko:

1. *ĝenerala* — raportanta pri:
   a) la urboj kaj lokoj, kie ekzistas Esperanto-grupoj,
   b) pri la nombro de la grupoj,
   c) pri la nombro de la grupanoj,
   d) pri la nombro de la okazintaj kursoj,
   e) pri la nombro de la kurspartoprenintoj.

Ni bezonas ankaŭ specialajn statistikojn pri „Esperanto kaj komerco“, „Esperanto kaj scienco“, „Esperanto kaj fakaj societoj“ ktp, sed la plej grava kaj tuj bezonata estas:

2. *speciala* — raportanta pri „Esperanto kaj lernejoj“:
   a) urboj kaj lokoj, kie oni enkondukis Esperanton en lernejoj,
   b) nombro kaj speco de la lernejoj,
   c) nombro de l' instruistoj,
   d) nombro de la lernintoj.

Ĉiu ĉiujare ripetota statistiko, — por eviti miksaĵojn — principe ampleksu nur unu kalendaran jaron de la 1a de januaro ĝis 31a de decembro. La respondoj estu donataj en precizaj ciferoj tiamaniere, ke la prilaboronto de la tuta materialo havu facilan superrigardon. La statistikoj devas esti bazataj sur raportoj de la unuopaj grupoj. La materialo devas esti tute konfidinda, subskribita de la raportinto kun ties plena adreso, kaj kiel eble plej kompleta. Ĝis nun oni kutime nur „taksis“ pogrande, sed ne kalkulis precize kaj podetale. Tia statistiko laŭ taksado ne estas statistiko, kiu faros impreson sur seriozaj personoj kaj registaroj.

La aranĝo de la tuta afero estas tasko kaj devo de la unuopaj naciaj asocioj unuiĝintaj en K. R.

En landoj, kie ekzistas pli ol unu organizaĵo, pli ol unu nacia asocio, ĉiu asocio kolektu kaj liveru por sia anaro la materialon al C. K. Neŭtrala persono aŭ institucio antaŭe kunmetu la re-

zulton antaŭ la forsendo, aŭ la kunmetado okazu en la statistika fako de C. K. Estas necese, ke oni klopodu, ricevi ankaŭ materialon pri la neorganizitaj izolaj grupoj ktp. Pri la aranĝo de la tuta entrepreno, por ke ĝi okazu en ĉiu lando laŭ la sama modelo, oni devos detale paroli dum la konferenco en Genève.

La statistiko de C. K. estu kunmetata kaj komparata kun la statistiko de UEA, kun kiu oni devas nepre interkonsenti pri la aranĝo de la demandaroj. Devas regi — kaj ja jam vere regas — plena interkonsento inter UEA kaj C. K.

Por efektivigi la tutan planon, oni ne bezonos — escepte en la statistika fako de C. K. — multan laboron, sed nur iom da bona volo ĉe la unuopaj grupoj kaj iom da energio ĉe la naciaj organizaĵoj kaj ĉie iom da kuraĝo, por veki la dormulojn el ilia dormo kaj konvinki la kontraŭstatistikulojn, kiuj ofte laŭ mia sperto estas la unuaj, kiuj plej brue plendas, se mankas al ili la necesa propagandmaterialo.

Niaj anoj devas esti edukataj por ĉi tiu detala laboro. Hodiaŭ mankas ankoraŭ multe da tia edukado. Mi ilustru tion per ekzemplo:

UEA forsendis siajn demandarojn por 1922 en po 2 ekzempleroj al la delegitoj. El ili respondis ĝustatempe nur 373, do nur 28—29%. UEA poste forsendis denove po 2 demandaroj al la nerespondintaj delegitoj, duanfojon urĝe petante pri alsendo de la plenigita demandaro, entute al 700. El ili (post du alvokoj!) respondis nur 284. Ne respondis 412. Do, el 1069 delegitoj 412, preskaŭ triono, tute ne respondis, eĉ post du alvokoj. Kaj pripensu: UEA la duan fojon bezonis por la 700 nerespondintaj delegitoj por ĉiu po 2 novaj demandaroj, 1 koverton por la alsendo, 1 koverton por la respondo, 1 leteron por sia peto. Se oni kalkulas la spezojn, ili inkl. la skriblaboron estas minimume 1000 sv. fr. Multe da mono, elspezita senbezone! Ĝi mankas nun en la kaso de UEA! Multe da laboro — kaj fine da ĉagreno por la Oficejo — kaj entute fakte vana laboro, ĉar statistiko, por kiu mankas triono de la tuta materialo, preskaŭ ne meritas la nomon „statistiko"!

Cetere: Ĉe 10% de la al la Oficejo senditaj demandaroj mankas la noto pri la lando kaj urbo, el kiu oni sendis, kvankam la unua demando kun grandaj literoj estas demando pri lando kaj urbo. Kelkaj delegitoj eĉ ne subskribis sian nomon. Ni jam staras en februaro de 1924 kaj ne ankoraŭ havas trionon de la raportoj por UEA pri la jaro 1922. Intertempe ja jam venis la tempo, kolekti la raportojn pri 1923. Ĉu admoni la admonindajn la trian fojon? Kia konfuzo! Por „elhaŭtiĝi", kiel oni diras germane.

Kompreneble nia nova statistika entrepreno estos tute vana kaj superflua, se ni ne povos kalkuli al iom pli da akurateco kaj precizeco flanke de niaj samideanoj.

Pripensu: Ni — la statistikistoj — ja ne volas zorgi pri statistiko, kvazaŭ tia laboro estus amuza plezuro por ni — tute ne! tia laboro, kolekti la tutan materialon, estas tre streĉa. Tamen ni volas fari ĝin, por doni al la esperantistaro propagandilon nepre taŭgan, efikan — cetere por granda movado per si mem necesan.

Per nia statistiko ni ne volas iel ajn nin intermiksi en la organizaĵojn; ili havas kaj havu plenan liberecon, agi tute laŭ sia plaĉo. Ni ne volas devigi al komuna laboro rilate aferojn, en kiuj oni ne deziras komunecon. Ni nur volas konstati, por kaj per ĉiuj organizaĵoj, kiom granda estas nia movado, konstati tion per laboro, kiu progresigos ĉiujn organizaĵojn.

Mi esperas — ĉu vane? — ke mi povos doni al la samideanaro tre kontentigan, ĝojigan statistikon pri la jaro 1924 antaŭ la kongreso 1925. Mi esperas, ke ĝis la jubilea kongreso 1927 ni estos ĉiuj tiom bone edukataj, ke por ĉi tiu kongreso ni havos, krom la aluditaj du statistikoj pri grupoj kaj lernejoj, ankoraŭ aliajn specialajn statistikojn kaj ankaŭ

**BIBLIOGRAFION,**

komence minimume simplan liston de ĉiuj esperantaĵoj aperintaj depost 1887. Unu el niaj plej efikaj propagandiloj estis la — nun elĉerpita — katalogo de la Biblioteko de Davidov. Ĝi montris al la skeptikularo, ke Esperanto havas literaturon, ke ĝi estas lingvo taŭga por ĉiuj celoj.

Nun la naciaj asocioj en K. R. — ĉiu en sia lando — zorgu por kompleta listo de ĉiuj Esperanto-verkoj, eldonitaj depost 1887, aŭ minimume depost la jaro 1911, en kiu aperis la katalogo de Davidov, por ke oni kiel eble plej baldaŭ (plej malfrue dum la jubilea jaro 1927) povu eldoni kompletan internacian katalogon de nia literaturo. Ankaŭ ĉi tiu laboro ne estos tro granda, se ĉiu nacio prenos sur sin la taskon, kolekti sian nacian materialon, uzante la Esperanto-gazetojn, la katalogojn de la eldonejoj ktp. de sia lando, kiuj ja raportis pri ĉiuj novaĵoj. Ĝis 1911 oni minimume kontrolu kaj kompletigu la katalogon de Davidov. Se por ĉiu nacio du konfidindaj personoj estos komisiataj, ili facile povos liveri la deziritan liston sen troa peno. En la Pariza Centra Oficejo oni kolektis bibliografian materialon antaŭ la milito. Oni devus do subteni tiun klopodon de la C. O., aŭ se ĝi rezignos, oni transdonu la laboron al C. K. La Centra Oficejo en 1912 eldonis bonegan bibliografion de Esperanto kaj tiu laboro devus esti daŭrigata per subteno de ĉiuj flankoj. Kompreneble necesas, ke oni antaŭ la definitiva laborkomenco priparolu la detalojn: kiamaniere kolekti la materialon, ĉu sur slipoj, kiu grandeco de slipoj, maniero de la citado de la titoloj ktp. ktp.

La venonta konferenco en Genève instigos min, fari miajn du suprajn proponojn, kiuj ambaŭ koncernas urĝajn aferojn. Pri la detaloj oni diskutu dum la konferenco. Mi faros la proponojn, ĉar mi sentas tion mia devo, kiel estro de la fako, kiun C. K. transdonis al mi.

Ankoraŭfoje: ni baldaŭ festos la 40-jaran jubileon de Esperanto. Ni preparu la feston per urĝe bezona, serioza laboro. Tiam ni povos konstati, ke ni vere honoris nian laboreman majstron.

* * *

## Noto de la Centra Oficejo de UEA:

La C. O. konstatas plezure, ke la statistiko por 1923 estis multe pli atente prizorgata de la Delegitoj, kiuj respondis pli multnombre al la demandaro. Ĝi sincere dankas ilin pro tiu nova klopodo, sciante ke la afero uzas valoran tempon. Dank' al ĉiam plia kunlaborado la rezultato ankaŭ valoros.

---

# Centra Esperanto-Komitato.

## Donacoj al la Centra Kaso.

*Unua listo:*

| | £ | s. | d. |
|---|---|---|---|
| F-ino N. Boon, Den Haag, 10 g. | 0. | 17. | 1 |
| D-ro Emiljan Loth, Pabjanice, 500000 m. | | 1. | 0 |
| S-ro Inte Ĉaĉe, por Riga Esp. Soc., 500 rub. | | 7. | 8 |
| P-ro Antono Ribas, Barcelona, 25 pes. | | 15. | 0 |
| S-ro Applebaum, Liverpool | 1. | 0. | 0 |
| S-ro A. Christen, Novjorko, 10 dol. | 2. | 5. | 10 |
| S-ro H. B. Hastings, Boston, 1 dol. | | 4. | 3 |
| S-ro C. M. Cather, Port Said | | 5. | 0 |
| Unua Amsterdama Societo, 10 g. | | 17. | 0 |
| Sumo: | 6. | 13. | 4 |

Pluaj donacoj estas urĝe bezonataj.

Fakestro de financo
*W. M. Page*
31, Queen Str., Edinburgh, Skotlando.

# Esperanto kaj taga gazetaro.

Raporto de *R. Hromada*, fakestro de C. K. pri gazetaro.

Certe ni ĉiuj povas konsenti kun la opinio, ke estas utile, post diversaj sukcesoj atingitaj de Esperanto en la jaroj postmilitaj (vidu: Liga Raporto, Pedagogia konferenco, Konferenco por komuna lingvo komerca k. s.) iom direkti la pensojn en la *internon* de nia movado kaj ekzameni, *ĉu ni plene profitigis, ekspluatis la sukcesojn* kaj ĉu ni faras ĉion, ke ili efiku ankaŭ *ekster* nia movado. Ni trovas, ke en iuj landoj kaj urboj la samideanoj ne havas sufiĉan komprenon por la vero, ke ĉiu progreso de nia afero en iu loko aŭ institucio progresigas nur tiam la tutmondan movadon, se tiu progreso, tiu nova fakto favora al Esperanto estas diskonigata *en ĉiu loko*, plej bone per la gazetaro neesperantista al la vasta publiko. Ni ne tenu kaŝite la lumon sub barelo de nia movado, sed lumigu per ĝi la cerbojn de indiferentuloj kaj ne forgesu, ke apogan materialon bezonas ankaŭ niaj amikoj, kiuj eble ne estas esperantistoj, sed subtenas nin en sia metio per sia favoro.

El tio rezultas unu el la taskoj de la Fako por gazetara servo de la Centra Komitato: *zorgi, ke la gazetaro de ĉiuj popoloj alportadu kiel eble plej regule informojn pri nia movado.* Sekve de la febra kaj multokupa vivo de la hodiaŭa homo, nur tio ekzistas por li, pri kio li estas senĉese atentigata pere de sia ĵurnalo, eĉ se tiu atentigo estus sole kelklinia informeto. Nur tiam la publiko havos pri nia movado la ĝustan impreson de afero sin *movanta*. Modifante la konatan parolon juristan, ni povus karakterizi tiun staton dirante, ke por la nunepoka homo „kio ne ekzistas en ĵurnalo, tio tute ne ekzistas".

En kelkaj landoj la gazetara servo, en la senco ĵus klarigita, ekzistas jam delonge kaj ju pli bone organizita, des pli ĝi efikas. Ĝia perfekta praktikado certe estus plej utila en landoj de grandaj ĵurnaloj, legataj en la tuta mondo — eble tie ĝi estas ankaŭ plej malfacila, pro la speciala karaktero de la tiea gazetaro. Laŭ la informo de la brita reprezentanto en K. R., la *Brita Asocio* prizorgas ĝin en sia lando kaj la spertoj multe povos utili alilande. En *„France-Esperanto"* ni legis siatempe proponon de S-ro Archdeacon al la francaj samideanoj, kiu eĉ en detaloj tre koincidas kun tio, kiel tiun servon praktikas la *Ĉeĥoslovaka Asocio*. En ĉiu numero la gazeto *„Germana Esperantisto"* citas longan serion da gazetoj germanlingvaj, kiuj skribas pri nia afero. Informojn de aliaj naciaj societoj ni tre ŝatus aŭdi en Genève, se ili ne estos al ni senditaj jam antaŭe.

Estas necese, ke en ĉiu lando simila servo ekzistu; kaj se vi konsentas, ke multan utilon povus al nia agado alporti pli intima interrilatado kaj interŝanĝado de spertoj de Naciaj Societoj per K. R. ĝenerale, vi trovos ĝusta, ke ankaŭ senperaj interrilatoj de personoj zorgantaj pri la gazeta servo en diversaj landoj estas necesaj.

*Tial la C. K. petas la Naciajn Societojn* delegi al la Paska Konferenco en Genève personojn, kiuj estas komisiitaj okupi sin pri gazetara servo en ilia lando. Tie ni povos konstati la nunan staton en diversaj landoj, komuniki siajn spertojn kaj — por kio la persona kunesto estas plej necesa — tie ni povos, konsiderante la diversecon de la kondiĉoj, interkonsenti pri la metodoj kaj manieroj de la estonta laboro.

Estas utile scii ekzemple: Ĉu la presorganoj de via lando akceptas informojn pri esp. movado Sintenado de viaj *grandaj* gazetoj al Esperanto. Ĉu artikoloj propagandaj aŭ kelkliniaj informoj pri faktoj. Ĉu via Nacia Societo dissendas la informojn al la gazetaro senpere aŭ pere de influaj aŭ laborpretaj samideanoj de diversaj gazeturboj. Kiel gvidantoj de via gazeta servo havigas al si presindajn novaĵojn pri nia movado. Ĉu la nunaj kronikoj en Esperanto-gazetoj utilas al vi. Ĉu vi scias alie aranĝi ilin, por ke la plejgravaĵo estu en ili tuj trovebla. Kiel vi kontrolas, ĉu viaj informoj estas presataj. Ĉu vi iel kolektas kaj konservas eltranĉaĵojn? Kiamaniere vi intervenas ĉe la redakcioj nepublikigantaj Ĉu informoj ne rilatantaj Esperanton, sed havigitaj per Esperanto estas akceptataj. Ĉu ilia esperanta deveno estas de le redakcio indikata.

Sed havante bone organizitan gazetaran servon pri Esperanto, ni povas bone ĝin utiligi en alia direkto. S-ro *Rollet de l' Isle*, ŝatata samideano Pariza, prezentis proponon, kies realigado per seriozaj kunlaborantoj povas efike helpi nian movadon per alia vojo. Esenco de tiu propono estas: *Uzi Esperanton en la servo de intelekta internacia kooperado.*

Specialaj komisionoj, fondotaj ĉe ĉiu Nacia Societo Esperanta redaktos laŭokaze, sed sufiĉe ofte, komunikaĵojn pri la nacia intelekta movado (scienco, literaturo, arto) kaj sendos ilin al alinaciaj similaj komisionoj, kiuj tradukos ilin nacilingve kaj diskonigos per nacia gazetaro.

Oni elektos temojn ne tro teknikajn, kapablajn interesi ĝeneralan publikon. Ekzemple oni skribos pri rimarkindaj eltrovaĵoj, nove publikigataj verkoj, sciigoj pri vivo kaj laboro de famuloj, sukcesaj teatraĵoj aŭ artaj ekspozicioj, naciaj kongresoj ktp. Ricevinte similajn komunikaĵojn alinaciajn, oni prezentos ilin tradukitajn nacilingve al *elektitaj* gazetoj en la nomo de la „Nacia Komisiono de internacia intelekta kooperado per Esperanto".

Tiu ĉi organizado povus esti plimalpli entute realigata laŭ la ago- kaj monrimedoj, kiujn oni posedas. Ekzemple sufiĉus, se komence unu du esperantistoj en ĉiu nacio laborus pri tio. Kie ekzistas ĉe la Nacia Societo Esp. komisiono por gazetara servo, ĝi povus okupi sin ankaŭ per tiu ĉi laboro.

Post kiam tiu organizo komencos funkcii, oni klopodos por montri al la Komisiono de la Societo de Nacioj la utilan servon de Esperanto en tiu ĉi fako.

Per tiu organizo oni ne intencas krei Oficejon de sciigoj pri aktualaĵoj. Por tio ekzistas agentejoj, kiuj povas pli rapide havigi tiujn sciigojn al la gazetoj, oni celas nur doni dokumentojn pri intelekta vivo en ĉiuj nacioj, laŭ maniero senmanka, kontinua kaj bonvalora.

Jen koncize la ideo, eble kelkfoje aludita, sed tiun ĉi fojon precize kaj kun klara plano prezentita de S-ro Rollet de l' Isle.

Mi havas la impreson, ke precipe samideanoj de malmulte konataj nacioj kaptos la okazon por diskonigadi en la mondo la intelektan vivon en iliaj landoj.

Mi opinius granda profito de la movado, se la Genèva kunveno sukcesus interkonatigi, interrilatigi kaj interkonsentigi la diversajn laborantojn sur la kampo de la gazetara servo. Mi firme esperas, ke tio okazos. La Genèva kunveno ne estos ja brila manifestacio; en ĝiaj kunsidoj ni verŝajne ne aŭdos ŝvelajn vortojn pri tio, ke „Esperanto estas bonega afero". Tre verŝajne ni aŭdos tie sekajn ciferojn kaj vortojn pri ĉiutaga, por iuj tute neinteresa laboro. Sed ĝuste tian konstantan, ĉiutagan, ne nur laŭokazan laboron ni ja bezonas. Kaj des pli baldaŭ estos la venko, ju pli la movado havos de tiaj senbruaj, senpretendaj, konstantaj, ĉiutagaj laborantoj, gvidataj per la amo al la afero kaj kontentigataj per la interna ĝojo rezultanta el la konscio pri bone plenumita devo.

Se la Naciaj Societoj delegos al Genève personojn, kiuj estas ne nur spertaj debati pri la aferoj, sed ankaŭ sufiĉe energiaj por realigi la interkonsentojn tie farotajn, ni povos en nia Fako por gazetara servo pli insiste kaj persiste daŭrigi la laboron, per kiu — apud la enkonduko de Esperanto en la *uzadon* — plej certe ni venos al tio, kio estas *necesa kondiĉo* por tutmonda enkonduko de Esperanto en la lernejoj: ***gajni la publikan opinion de la mondo, reprezentatan de la gazetaro.***

# La financa forto de nia movado

de *Hans Jakob*, Ĝenerala Sekretario de UEA.

La esperantista movado, kreita de mezklasa kaj laborista klasoj, esence dependas de la bonfarto de tiuj laŭnombre ĉefaj klasoj de l' socio. Riĉuloj ĝuantaj la avantaĝon de miliona havaĵo (laŭ ora kalkulo, bone komprenata) ne troviĝas inter la esperantistaro, aŭ se estas iaj, facile ili estas nombreblaj.

Do la movado ekzistas kaj estas funkciigata per la kunigitaj soldoj de miloj da personoj pene perlaborantaj la ĉiutagan panon.

Interese estus scii, kiom da mono elspezas la esperantistaro ĉiujare — por la esperantismo — tio estas por rekoneblej elspezoj faritaj por Esperanto, kotizoj, abonoj, libroj, kongreso. La statistiko pri la nombro de la esperantistoj ne donas kontentigan rezultaton, ĉar ĝi devige sin bazas sur la ciferoj de la esperantistaj societoj do ne atingas la belan nombron de la „ĉambraj esperantistoj" por uzi vorton de Hodler, lernintaj la lingvon, unu foje vizitantaj grupon, poste forlasintaj eksteran agadon. Ekzemple en Genève, urbo kie Esperanto neniam ĉesis esti propagandata, instruata, kaj kie sidas la centro de nia movado, UEA. En 1903 komencis la movado, do 20 jaroj da agado. Supozante, ke meze instruiĝis 50 personoj pojare ni atingus 1000 personojn. La grupo „Stelo" en Genève kalkulas pojare ĉirkaŭe 100 membrojn, do dekonon, kaj simila proporcio estas supozinda por aliaj lokoj kaj landoj.

Do ĉia kalkulo estas proksimuma. Oni foje prenis la nombron de venditaj gramatikoj en la ĉefaj landoj kaj rezultis ciferon de alia ekstremo (4 milionoj en la tutmondo). Sed ekzistas ciferoj findindaj: la nombro de nacie organizitaj esperantistoj, la gazetoj, la kongreso, la bilancoj de kelkaj librejoj esperantistoj. UEA de ĝia fondo regule donis jarajn bilancojn. Sur tiu ĉi detaloj ja estas eble, proksimume taksi la financan forton de la movado. Ni ekzamenu la naciajn societojn (laŭ la jarlibro 1923).

| Nomo de la nacia societo | Kotizo po membro | Sumo enspezita laŭ nacia mono | Kalkulita laŭ meza kurzo en Fr. sv. |
|---|---|---|---|
| 1. Belga Ligo | Fr. 5 | Fr. 3500 | 700 |
| 2. Brita Asocio | Ŝil. 10 | £ 750 | 18750 |
| 3. Bulgara Societo | Lev. 10 | Lev. 6000 | 240 |
| 4. Bulgara Gejunulara Ligo | — | — | — |
| 5. Ĉeĥoslovaka Asocio | Kr. 2 | Kr. 2200 | 330 |
| 6. Germana Ligo en ĈSR | Kr. 4 | Kr. 4400 | 660 |
| 7. Dana Ligo | Kr. 0,50 | Kr. 100 | 100 |
| 8. Estona Asocio | Emk. 10 | Emk. 3500 | 100 |
| 9. Finnlanda Asocio | Fmk. 10 | Fmk. 5000 | 600 |
| 10. Franca Societo | Fr. 5 | Fr. 4000 | 1000 |
| 11. Germana Asocio | Mk. 1 | Mk. 3500 | 5250 |
| 12. Kataluna Federacio | Pes. 5 | Pes. 2250 | 1750 |
| 13. Hungara Societo | Kr. 1 | Kr. 200 | 200 |
| 14. Itala Federacio | L. 10 | L. 8000 | 2000 |
| 15. Litova Asocio | L. 1 | L. 500 | 250 |
| 16. Nederlanda Societo | G. 1 | G. 295 | 590 |
| 17. Norvega Ligo | Kr. 2 | Kr. 400 | 300 |
| 18. Pola Societo | Zl. 1 | Zl. 700 | 700 |
| 19. Sveda Federacio | Kr. 1 | Kr. 400 | 600 |
| 20. Svisa Societo | Fr. 1 | Fr. 350 | 350 |
| 21. Argentina Societo | P. 1 | P. 350 | 700 |
| 22. Brazila Ligo | po grupo Milr. 15 | Milr. 150 | 100 |
| 23. Japana Instituto | Jen. 2,40 | Jen. 5040 | 13500 |
| 24. Aŭstralia Asocio | Penc. 6 | 17 £ 10 ŝil. | 440 |
| | | | Fr. 49250 |

Rimarkoj: a) Ni uzis la ciferojn donitajn de la naciaj societoj; ĉe kelkaj tiuj ĉi diferencas kun tiuj en la jarlibro, korektita pli poste.

b) Ni prenis ĉie la pli malaltan kotizon *pagotan* de la grupo al la Centro, escepte ĉe tiuj societoj, kiuj kun la membreco ankaŭ liveras la kotizon.

c) Ni ne kalkulis: Aŭstrio, Danzig, Latvio, Rumanio, Nordameriko pro manko de ciferoj.

Laŭ supra kalkulo ni atingus 50000 Frankojn kiujn ricevus la naciaj centroj. Konsiderante, ke tio reprezentas nur dekonon de la tuta kotizo, pagita ĉe la grupo, ni povas taksi: 500000 Fr. sv. kiel plena sumo, neforgesante, ke pri kelkaj gravaj naciaj societoj detaloj ne estis riceveblaj.

Restas tiam la fakaj societoj. Pli malmultnombre ilia cifero estas pli facile fiksebla.

| Nomo | Kotizo | Sumo | Fr. sv. |
|---|---|---|---|
| 1. Literatura Asocio | Mk. 1 | Mk. 100 | 125 |
| 2. Literatura Asocio Brita | Ŝil. 2/6 | £ 25 | 625 |
| 3. Scienca Asocio | Dol. 1 | Dol. 185 (kun favorprezoj) | 1000 |
| 4. Eklezia Ligo | | | |
| 5. Kristana Ligo | | | |
| 6. Katolika Unuiĝo | | | |
| 7. Katolika Ligo Germana | ? | ? | ? |
| 8. Katolika Ligo Aŭstria | | | |
| 9. Katolika Ligo Itala | izolaj L. 2 | L. 300 | |
| | grupoj L. 5 | L. 1500 | |
| | | L. 1800 | 450 |
| 10. Kvakera Societo | | | |
| 11. Teozofia Societo | Fr. 2,50 | Fr. 175 | 175 |
| 12. Vegetara Ligo | 1 Fr. meze | Fr. 340 | 340 |
| 13. Skolta Ligo | Ŝil. 2 | £ 25 | 625 |
| 14. Poŝtoficistoj | | | |
| 15. Poŝtoficistoj francaj | Fr. fr. 5 | Fr. fr. 1500 | 375 |
| 16. Polica Ligo | | | |
| 17. Instruistoj | Fr. blg. 10 | Fr. 1000 | 200 |
| 18. Instruistoj germanaj | Mk. 0,10 | Mk. 70 | 75 |
| 19. Fervojistoj | Fr. sv. 1 | Fr. sv. 350 | 350 |
| 20. Kuracista Ligo | | | |
| | | Sumo: | Fr. 4340 |

La fakaj societoj ne ludas gravan rolon laŭ financa vidpunkto. Pri kelkaj ciferoj plene forestas kaj la tuta agado konsistas ĉefe en la koncentrigo de kelkdekoj ĝis kelkcentoj da samfakaj, samprofesiaj esperantistoj.

Alia grava cifero estas la elspezoj ĉe la kongreso. Ili dividiĝas en du partoj: kotizo kaj dumkongresaj elspezoj. La Nürnberga kongreso, vizitita de 4500 personoj, do pli ol duono el Germanio, enspezis el kotizoj, donacoj: Fr. 15000

La personaj elspezoj povas esti taksataj proksimume tiel:

| | |
|---|---|
| 2000 eksterlandaj kongresanoj po 10 Fr. sv. potage = 20000 × 6 = | „ 120000 |
| 2500 po 2 Fr. potage = 5000 × 6 = | „ 30000 |
| 4500 po 10 Fr. (enirbiletoj, ekskursoj ktp.) = | „ 45000 |
| Vojaĝkosto: 2000 po 150 Fr. = | „ 300000 |
| (Nekalkulante la enlandajn; tiama kosto de vojaĝo en Germanio kiel tuto ne influas la rezultaton.) | Fr. 510000 |

Konsiderinda elspezo — kaj ne kritikinda — estas la aĉeto de libroj. Pri ili ni disponas informojn de du librejoj: bilanco de l' jaro *1922* de Esperantista Centra Librejo, vendinta por 38000 Fr. fr. da libroj, do Fr. sv. 11000; kaj Brita Esperanto-Asocio, vendinte por 195 £ = Fr. sv. 4800.

Sed mankas aliaj. Dum la pasinta jaro libroj estis avantaĝe aĉetitaj en Germanio. La neesperantista eldonejo Hirt & Sohn eldonis serion da valoraj literaturaĵoj; la bone konata malnova firmo Ellersiek & Borel ne malpli energie vendis — sed ni ne konas iliajn bilancojn. Supozante saman ciferon (15000 Fr. kune), ni havus la sumon de Fr. 30000 ĉiuj kune. Plie ekzistas aro da malgrandaj eldonejoj, kiujn ni ne taksas.

Ni kunigu ĉiujn ciferojn:

| | Plensumo: |
|---|---|
| 1. Kotizoj al grupoj kaj naciaj societoj | Fr. 500000 |
| 2. Fakaj Societoj | „ 5000 |
| 3. Kongreskotizoj | „ 15000 |
| 4. Kongresaj elspezoj — vojaĝo | „ 510000 |
| 5. Por libroj | „ 30000 |
| Sumo: | Fr. 1060000 |
| 6. Enspezo de UEA 1923 | „ 45000 |
| Sumo: | Fr. 1105000 |

Konkludo: Jara elspezo de pli ol *unu miliono* da svisaj frankoj.

Tiu sumo — prudente kalkulita — tamen ne prezentas ĉion. Mankas la organizaĵoj esperantistaj ne montritaj kiel Sennacieca Asocio Tutmonda kaj la diversaj laboristaj asocioj, bone laborantaj en diversaj landoj, kaj reprezentantaj certe plian elspezaron de kelkcent mil svisaj frankoj.

Nun la demando estas la jena: Ĉar la esperantistaro scias kaj povas elspezi pli ol unu milionon da svisaj frankoj jare, ĉu la rezultatoj valoras tiun sumon? Ĉu ĝi estas uzata plej saĝe, plej ŝaĝe kaj plej koncentrige por atingi la maksimuman eblaĵon? Aŭ ĉu ni ne povas duobligi la „produktadon" metante iom pli da zorgo kaj ordo en niajn aferojn kaj evitante la troan disperdon de fortoj?

Komparu la sumon de unu miliono kun la enspezo de UEA: 45000 Fr. = 4,8 % (1/23) de la tuto. Ĉu UEA vere faras nur la dudektrionon de la laboro por sukcesigi Esperanton?

# Pri la nuna Esperanta Literaturo

de *Georges Stroele,* ano de la Lingva Komitato.

Ekzamenante la kunon de l' esperanta literatura produkto dum la lastaj jaroj, oni povas konstati jenon. La nombro de valoraj legindaj verkoj kreskis, dum proporcie malgrandiĝis tiu de sensignifaj aŭ malkorektaj publikaĵoj. La kontraŭo ja estus danĝera signo por la estonteco de nia movado.

Dezirinde estus, ke nia literaturo fariĝus pli riĉa, precipe je bonaj tradukoj de la diverslingvaj gravaj beletraj verkoj. Ja multaj personoj, en grandaj landoj precipe, malofte kontaktiĝas kun fremduloj, ne komercas translimen, ne vojaĝas foren. Por ili, internacia lingvo ne estas bezonaĵo. Sed se, kun pruvoj, oni povus diri al ili: „Lerninte Esperanton, vi posedos la Sezamon, kiu malfermos por vi la pordon de l' ĉiulingva literatura trezoro", kaj plie: „Pro la fleksebleco de l' internacia lingvo, ĉar ĉiun tradukon liveras samlingvano de l' aŭtoro, la esperantaj tradukoj superas la nacilingvajn je fideleco kaj komprenebleco", tiam, eĉ por personoj sen eksterlandaj rilatoj, Esperanto estiĝus studindaĵo.

Fakto, kiu ankaŭ certe malhelpas nian kuradon al grandskala literaturo estas la malmulto da legantoj. El ĉiuj kursanoj, kiuj eklernis nian lingvon, eĉ inter la samideanoj kiuj praktike uzas ĝin, nur areto interesiĝas pri literaturo kaj havas sufiĉan tempon kaj monon por legi kaj aĉeti librojn. Estas do nura prudento ne peni pri malfacilaj traduklaboroj, kiujn eldonisto ne akceptos aŭ kiuj malprofitigos lin. Ĉu oni lasttempe ne anoncis, ke nia hodiaŭa sola literatura revuo kun peno sukcesis kunigi tricenton da abonantoj? Ŝancelos tiun baron nur la jarpostjara kresko de konscia lerta legema samideanaro.

Laŭdindaj entreprenoj en la celita direkto estas kolektoj kiel „Esperanta Biblioteko Internacia" kun malampleksaj specimenoj de diversaj literaturoj, aŭ „Internacia Mondliteraturo" kun ĝiaj plenaj bone elektitaj verkoj. Sed pri ili ankaŭ, nur sufiĉa vendado persistigos ties kondukantojn kaj eldonistojn.

En la sama ideFako, la klopodoj de „Esperanta Literatura Asocio" estas tre utilaj. Tiu asocio devus kunigi ĉiujn niajn verkantojn. Neniam oni devus presigi literaturaĵon antaŭ ol submeti gin sub la kontrolo de spertulo tute fremda je la nacio kaj lingvo de l' aŭtoro tradukita. La diskonigo de komencitaj aŭ intencataj laboroj prave malhelpas duoblajn konkurantajn esperantigojn. Estus plie bone, ne katenante ies personan guston aŭ iniciatemon, se nacilingvaj komisionoj de E. L. A. aŭ de L. K. interkonsentus pri la ĉefaj sialingvaj tradukindaj verkoj kaj proponus tian programon al la laboremaj tradukontoj.

Kelkaj, laŭ memoro citataj, el la plej interesaj aŭ rimarkindaj verkoj kun literatura karaktero aperintaj dum la lastaj jaroj estas: *Akbar, Pro kio, Legendoj, Nuntempaj rakontoj, Batalo pri la domo Heikkila,* ankaŭ kvankam specialtemaj: *Tri verkoj de Tolstoj, La vendreda klubo,* kaj inter malpli ampleksaj: *Du kokcineloj, Bonhumoraj rakontoj, Krucumo, Ekzilo, Taglibro de vilaĝpedelo.* Multaj tradukoj de tipaj teatraĵoj meritus citon, inter aliaj: *Morgaŭ matene, Paĝio de l' reĝino, Natan la saĝulo, Maria Magdalena, La botistoj, Gyges kaj lia ringo, Sonĝo de someromeza nokto.*

Pri la originala verkado, oni ne povas starigi planon, nek organizi sisteman laboron. Volu la potenca sorto naski al ni talente naturdotitajn aŭtorojn. Sed, kiu legis la kortuŝan biografion *Vivo de Zamenhof,* la strangan aventuraron *Idoj de Orfeo,* la veran romanon *Stranga heredaĵo,* la modernan animskizon *Abismoj,* la virinportreton *Lilio,* aŭ la humoraĵon *Tri angloj alilande,* tiu ne neos la vivpovon, la belecon, la variecon, la valoron de nia originala literaturo.

Ankoraŭ multaj neesperantistoj, kaj eĉ varbitoj, konsentas, ke Esperanto estu praktika komerca lingvo, sed rifuzas al ĝi poezian kapablon. Tamen tiun opinion ne povas konservi, kiu studis la mirindajn tradukojn de Grabowski en lia *Parnaso de Popoloj* aŭ lian esperantigon de l' eposo *Sinjoro Tadeo.* Post li, tiu fonto ne elĉerpiĝis kaj ni feliĉe aŭdas artistojn eltiri de sia esperanta liro muzikajn agordojn. Kiu ne konus ankoraŭ *Mondo kaj koro,* de Kalocsay, aŭ de l' sama la poezian tradukon *Johano la brava,* aŭ la poemaron *Preter la vivo* de Baghi, tiu rapidu havigi al si tiujn juvelojn de nia literaturo. Aliaj kolektoj: *Dorna karesilo, Dekdu, Melodioj de l' nokto, Du Poemoj, Amaj Poemoj,* ankaŭ fakte pruvas la porversan taŭgecon de nia lingvo.

Leĝaron pri versfarado ni ne bezonas, kaj kiu krom la uzado arogus krei ĝin; sed la interesaj proponoj pri akcepto de specialaj asonancaj rimoj, prezentitaj de S-ro de Kalocsay estas atente studindaj, ĉar ilia ĝenerala enkonduko profite liberigus kaj elastigus nian iom malriĉan rimprovizon.

Kiaj verkoj estos ĉiam prave preferataj? La pli facile kompreneblaj; legado ne devas esti peniga laboro postulanta longan pripensadon je ofta malklara vorto aŭ esprimo. Esperanto ne estas ludilo por intelektuloj; ĝin ĉefe bezonas la popolano: per sia simpleco ĝi restu ĉies lingvo. Tial, ke ilin legos anoj el malsamaj kulturoj, el malkomunaj tradicioj, la esperantaj tekstoj devas esti preskaŭ infane simplaj, fontakve klaraj. Evitu la literaturistoj la neologismojn, la tro teknikajn vortojn eble necesajn por sciencaj libroj; ili ankaŭ evitu, celante redoni la akcenton de originalaĵo, enmiksi naciajn specialajn vortojn kaj parolturnojn. Pli bone ol oni kutime faras oni uzu en la teksto laŭsencan tradukon, kiu riĉigos nian esprimaron, kaj ŝovu en noton la nacilingvajn fremdaĵojn kiuj tedas la leganton, eĉ kun klarigo. Laŭtlegante tekstojn, oni tro ofte balbutas pro preskaŭ ne prononceblaj multradikaj kunmetitaj vortoj, aŭ spiregas pro senfinaj multpartaj komplikaj frazoj. Bona traduko ne estas podetala imitado, sed laŭsenca reverkado. Ni ripetu kun la prezidanto de nia Akademio, ke la kriterio de l' bona esperanta stilo estas simpleco, klareco, komprenebleco.

---

## Radio-Telefonio.

Tro malfrue por enpreso alvenis tre interesa raporto de bulgara samideano S-ro D. Simeonov, el Sofia, kiu proponas, ke radio-stacioj en Eŭropo interkonsentu, por ke posedantoj de ricevaparatoj povu ĉiutage aŭdi ion en Esperanto laŭ aranĝita semajno-programo. Pri tio ĝuste diskutos la T. S. F.-Kunsido en Ĝenevo. Sufiĉos reguligi tion, kio jam funkcias iom dise kaj senorde.

De nun la *Ĝeneva radio-stacio* (1100 m.) disaŭdigos esper. kurson de D-ro Privat kaj *informojn en Esperanto ĉiumerkrede* je 1 h. 15 posttagmeze (13.15 nuna somertempo en tuta Eŭropo.) En Norda Ameriko simila regula esper. servo disaŭdiĝas ĉiumarde el la stacio Victoria (Kanado) al unu miliono da eblaj ricevantoj ĝis Meksiko, kien atingas la voĉo de nia samideanino Alice Vicks.

El la usona stacio de Cleveland parolados UEA-delegito Stanley Kozminski la 3an de majo noktomeze, do matene por Eŭropo. Informantoj tro ofte forgesas indiki la ondlongecon. En Nordameriko ĝi varias de 300 al 400 m.

S-ro Simeonov ankaŭ proponas, ke ĉiuj esp. kluboj aĉetu ricevaparaton pere de UEA. Estos pli simple kaj pli utile, ke ili aĉetu ilin rekte, skribante esperante al la fabrikejoj.

# Kion fari por marŝigi Esperanton?

## Propono pri traduko de gravaj verkoj

de *Profesoro D-ro Everardo Backheuser*, Hon. Prezidanto de Brazila Ligo Esperantista.

Depost preskaŭ 17 jaroj, tio estas depost la 1a Kongreso de Boulogne, mi propagandas aktive por Esperanto en mia lando Brazilio. Mi kaj miaj bonaj unuahoraj kunuloj jam havigis por nia afero multe da bonaj rezultatoj, precipe je la kampo de registaraj decidoj. Ĉe ni Esperanto estas ŝatata kiel grava, valora bono por la homaro. Kleraj literaturistoj, scienculoj kaj profesoroj laŭdas publike kaj sincere la utilecon de lingvo internacia kaj opinias, ke Esperanto estas taŭga por tiu celo. La registaranoj kaj ĵurnaloj ĉiam kaj ĉiel aprobas nian movadon, ĉu per vortoj, ĉu per agoj.

Tamen . . . . Esperanto ne laŭproporcie prosperas. La nombro de novaj aliĝantoj estas malgranda kaj bedaŭrinde kelkaj aliĝas nur buŝe, nek lernante samtempe, nek praktikante la lingvon. Aliflanke malnovaj samideanoj iom post iom forgesas nian idiomon, ne ĉeestas la kunvenojn, unuvorte ne agas, tio estas, ili efektive forlasas niajn rangojn.

Ŝajnas al mi per la legado de fremdaj esperantistaj ĵurnaloj, per la trarigardo de la statistikoj kaj per la ĝenerala situacio de nia lingvo, depost ĝia apero ĝis hodiaŭ, ke en aliaj nacioj okazas preskaŭ la samo kiel en Brazilio. Kompreneble estas alilande situacioj malsamaj, ĉu pro nacia ŝovinismo, ĉu pro la milito, ĉio kio malsukcesigas la prosperadon de Esperanto. Oni povas esperi eble la renaskiĝon de taŭga propagando; sed tamen ĉiam la sukceso ne egalvaloras la laboron.

La propagandistoj devas, ŝajnas al mi, mature pripensi pri la kaŭzoj de tiaj nekontentigaj rezultatoj.

Al Esperanto aliĝas nur du klasoj da personoj. Unue, la grandanimaj, kiuj revas pri la feliĉa estonto de la homaro, pacamantoj, kiuj imagas la eblecon de ĉiama paco sur la tero, kaj opinias internacia lingvo taŭga por tiu celo; due scivolemuloj, tio estas, personoj kiuj aŭdis iom pri Esperanto, volas scii, kio estas tia „afero", kaj post rapida lernado foriras trankvile. Nur la unua klaso eniras efektive en la „internan" ideon, pri kiu parolis la Majstro.

Oni povas kalkuli do, ke nur la unua klaso restas por propagandi, kaj tia estas, kiel oni povas bone imagi, tre malgranda.

Tamen oni bezonas havigi grandajn arojn da homoj, tial ke oni nur povas imagi taŭgecon de L. I., kiam ĝi estos uzata de la plimulto de la kleruloj. Sed nur ni povos esti grandnombra, kiam ni proponos al la inteligentularo multe da bono, da konveno, da utilo.

Ĉiu diras al si: „Esperanto estas tre facile lernebla, kiel la propagandistoj mem garantias, tial mi havos sufiĉan tempon ĝin studi, kiam ĝi donos al mi *utilecon.*"

Tiel pensas verŝajne la plimulto de la homaro.

La plej grava afero por ni propagandistoj, kaj precipe por tiuj, kiuj direktas universalajn instituciojn aŭ societojn, estas aranĝi tian „utilecon".

Mi vidas du vojojn por prepari ĝin:

1e per la deviga lernado de Esperanto en ĉiuj oficialaj lernejoj duagradaj de la tuta mondo.

2e per traduko de „utilaj" verkoj.

Tria vojo estas la uzado por komercaj rilatoj, pri kio mi ne volas skribi en tiu ĉi momento.

La unuan vojon ni atingos, kiam la „Societo de Nacioj" decidos fine pri la oficiala enkonduko de Esperanto. Tio estas nun tre malfacile havigebla, ĉar la nunaj francaj estranoj kun ilia kontraŭeco estas sufiĉe fortaj en la estanta politika momento por malpermesi al ni esperantistoj iun grandan venkon.

La duan vojon, eble la plej fruktodonan el ĉiuj ni povos sekvi sen aprobo de iu ajn, kaj nur per la sindonemeco de riĉuloj. Efektive, imagu momente, ke ĉiuj registaroj de grandaj kaj malgrandaj nacioj enkondukus Esperanton en la oficialan lernadon; kia estus la reala valoro de tiu laboro, se la estontaj esperantistoj ne havus sufiĉe da bonaj libroj por legi kaj tiamaniere utiligi la „novan" lingvon? Per la dua vojo sekvota ni montros al ĉiuj, ke ili povas per Esperanto atingi la ideojn, la pensadon, la eltrovojn de ĉiuj homoj de la tuta tero, tio estas, ni faros praktike tion, kion de longe ni diras „teorie".

* * *

Mia ideo estas tiu: Oni fondos specialan societon aŭ pli bone specialan fakon en UEA por *traduko* de bonaj modernaj verkoj, ĉu sciencaj, ĉu artaj, ĉu literaturaj en ĉiuj landoj de la mondo. Mi ne parolas pri traduko de klasikaj verkoj jam tradukitaj en multe da lingvoj, kiel la Biblio, Homero, Shakespeare, Molière, Goethe, Cervantes ktp. Multe da tempo antaŭ ol mi fariĝis esperantisto, mi jam legis tiujn ĉefverkojn en mia propra lingvo. Mi parolas pri la ne ankoraŭ tradukitaj, aŭ nur unulingvaj tradukitaj, valoraj verkoj.

Tiu institucio (aŭ fako de UEA) zorgos koni la ĉeflaborojn en ĉiuj fakoj de la homa scio: matematiko, fiziko, ĥemio, biologio, astronomio, historio, romanoj, kritiko, filozofio ktp. ktp. aperantajn en la tuta mondo. Por tio ĝi estos helpata de malgrandaj komitatoj de eminentaj personoj en ĉiu lando. Tiuj komitatoj povas esti de esperantistoj aŭ ne esperantistoj, sed estas necese, ke la partoprenontoj estos kompetentuloj aŭ almenaŭ kleruloj.

Tiuj komitatoj diros al la centra komitato pri la verkoj tradukotaj en sia lando, faros esperante ilian resumon kaj donos kelkajn klarigojn pri ili kaj samtempe diros la koston de la tradukado. La C. K. pripensos pri la diversaj proponoj alvenintaj de malsamaj punktoj kaj fine decidos la eldonadon de tiom da *„utilaj"* (precipe „utilaj") verkoj, kiom da mono havos la kaso.

Kompreneble oni devas pagi la aŭtorrajton kaj samtempe subskribi kontrakton. Ŝajnas al mi, ke en tiu kontrakto devas ĉiam aperi speciala kondiĉo malpermesante, al la aŭtoro dum kelkaj jaroj (10 ekz.) tradukon de la verko en alian nacian lingvon.

Por atingi tion, oni bezonas multe da mono. Tiu mono estas havigebla: 1e de la naciaj grupoj kaj societoj; 2e de sindonaj esperantistoj; kaj 3e de ĉiuj aliaj personoj. Mi kaj certe multe da samideanoj pagos volonte kotizaĵon por tia celo, anstataŭ pagi por nacia grupo, por nacia ĵurnalo, por naciaj festoj ktp. ktp.

Mi permesas al mi doni personan ekzemplon de la taŭgeco marŝigi la movadon en tiun direkton.

Mi estas profesoro de mineralogio kaj geologio en la Universitato de Rio de Janeiro. En mia fako la plej bonaj libroj estas la germanaj. Tamen miaj lernantoj ne legas la germanan lingvon, kaj la lernolibroj ne estas tradukitaj en lingvon konatan aŭ facile lerneblan de ili. Multe da fojoj ili demandas al mi, ĉu mi ne povos havigi esperantan tradukon de tiuj famaj libroj, ĉar (ili daŭrigas) en Esperanto tre certe ili komprenos. Tio, kion mi diras por miaj lernantoj, oni povas diri rilate al multe da personoj kaj pri la rusa, la japana, la araba, la serba ktp. idiomoj. Certe en ili trezoroj restas nekonataj.

Mi ne loĝas en iu centra lando por preni sur miajn ŝultrojn la entreprenadon de „Societo por traduko de valoraj verkoj". Eble iuj el miaj legantoj, kiuj aprobos la ideon, povos konstrui ĝiajn fundamentojn kaj tiel fari, laŭ mia penso, la plej bonan agon por efektiva disvastigo de lingvo internacia.

## FILOZOFIO

# IMMANUEL KANT. 1724—1924.

De *D-ro Johann Dietterle.*

La eminenta graveco de l' filozofo, kies naskiĝon antaŭ 200 jaroj hodiaŭ rememoras la scienco tutmonda, evidentiĝas jam el la fakto, ke oni nomis la pasintan XIXan jarcenton la „jarcento de Kant".

La filozofio de Kant unuflanke estas kvazaŭ la matura bilanco de la racionalisma movado de la XVIIIa jarcento (de la ĝistiama mekanika naturscienco, de la filozofa raciokredo de l' anglaj liberpensuloj kaj de la germanaj racionalistoj, de la multaj novaj priindividuaj ideoj, kies ĉefreprezentanto estis J. J. Rousseau), aliflanke ĝi estas la elirpunkto de ĉiuj gravaj sciencaj (ne nur filozofaj) direktoj de la XIXa jarcento. En ĉiuj kultursferoj efikis la Kant'a spirito, por ĉiuj ĝi liveris novajn, vivoplenajn motivojn.

Tamen la valoro de ĉi tiu ĉionampleksa forto ankoraŭ eĉ cedas al la grandioza energio de la fundamenta ideo, de sur kiu Kant pritraktas ĉiujn sciencajn demandojn. Ĝi estas la — ĉiuflanken provita kaj pruvita — konvinko pri la leĝdonanta forto de l' racio en scienco kaj vivo, kun kiu li revelacias la sekreton de la racionalisma epoko. En ĉi tiu senco la situacio estas bone karakterizita per la frazo, skribita la 15an de februaro 1793 de Schiller al sia amiko Körner: *„Certe ĝis nun neniu morteca homo elparolis pli gravan vorton ol ĉi tiun Kant'an, kiu samtempe enhavas lian tutan filozofion: „Decidiĝu per vi mem" kaj la alian de la teoria filozofio: „La naturo estas submetita al la racio-leĝo".*

Ĉiu el la sekvantaj filozofoj estis devigata atenti lin. Ne nur la filozofoj — ĉiuj seriozaj scienculoj! Tre signifa i. a. estas la fakto, ke la etiko de l' filozofio de Kant kaŭzis la intiman amikecon inter Schiller kaj Goethe. Por la ekstergermana filozofio la influo de Kant aperas nur iom post iom pli poste, sed tiam despli efike.



*Monumento de l' filozofo KANT*
sur la parado-placo en Königsberg
(verkita de l' fama skulptisto Rauch).

La filozofio de l' Königsberg'a profesoro intencas nenion alian, ol la konstaton de la principoj enhavataj en la racio, kaj en ĉi tiu senco ĝi nomiĝas „kritika filozofio". La „transcendentala"[1] aŭ „kritika" metodo de Kant — kiu volas montri, ĉu kaj kiel „sperto"[2]) estas ebla — konscie diferenciĝas de ĉiuj aliaj metodoj. Ĝi estas nek dogmatika nek skeptika, nek logika nek psikologa, nek metafizika nek laŭevolua. Kio do ankoraŭ restas por pruvi la eblecon de l' „sperto"? Nu: la nura formala — tamen de la formala logiko tute diferencigita — procedo, kiu intencas, nepre akordigi la tutan spertaĵaron, harmonigi ĝin en ĝi mem, do: redukti ĝin al unueco.

La formala „idealismo" celas trovi la „formalajn kondiĉojn" kaj unuigas ilin al sistema unueco — ne al dogmareca-spekulativa sistemo, sed — al kritika sistemo de l'esploro laŭ principoj de l' unuigo, por kiu la „sperto" povas liveri sole la materialon.

Tia sistemo do, laŭ Kant, ne estas unuigo de pretaj scioj, sed unuigo de l' metodoj, laŭ kiuj la enhavo de la diversaj spertoregionoj naskiĝas en nia konscio kaj formiĝas laŭ „principoj de l' unueco". La sperto-regionoj, aŭ, kio estas la samo, la konscioregionoj, malsamaj inter si, estas: la Naturo (en la plej vasta senco de l' vorto), la Moralo, la Arto.

La principoj de la scienco estas pritraktataj precipe en la „Kritiko de l' pura racio" *(Kritik der reinen Vernunft*, 1781*)*, tiuj de l' etiko en la „Kritiko de l' praktika racio" *(Kritik der praktischen Vernunft*, 1788*)*, tiuj de l' estetiko en la Ia parto de la „Kritiko de l' prijuĝa povo" *(Kritik der Urteilskraft*, 1791*)*. La nomitaj verkoj estas la plej gravaj el la multaj de l' filozofo Kant kaj ĉiuj apartenas al lia plej matura vivo-periodo. Kiam aperis la „Kritiko de l' pura racio", la filozofo estis jam 57-jara. Lia biografio estas tre simpla. Li naskiĝis la 22an de aprilo 1724 en Königsberg (orienta Prusujo) kiel filo de selisto. Li neniam forlasis sian hejmurbon escepte dum — mi ne povas diri vojaĝoj, sed nur — promenadoj de kelkaj mejloj ekster ĝi. Studinte unue teologion, li baldaŭ elektis la studadon de la naturscienco, matematiko kaj filozofio. Post 9-jara guvernisto-laboro li fariĝis docento ĉe la universitato (1755) en Königsberg, fine profesoro de la logiko kaj metafiziko (1770). La ĉiam afabla, bonhumora kaj ĉie ŝatata scienculo restis fraŭlo kaj mortis la 12an de februaro 1804.

Estas tute ne eble en mallonga artikolo eĉ nur nomi la titolojn de liaj multaj verkoj kaj diri ion pri la grandega literaturo,[3]) kaŭzita de li. Por la esperantistaro precipe interesa estos la fakto, ke Kant estis la unua filozofo, kiu pritraktis la demandon pri ligo de popoloj kaj pri ĉiama paco en sia verko „Al eterna paco".[4])

Pro la malgranda spaco por mia artikolo tute malhelpata, doni eĉ nur iometan ideeton de la multaj gravaj ideoj de Kant kaj de lia influo al ĉiuj sciencoj, mi kontentiĝu, citi kelkajn el liaj eldiroj, kiuj ne rilatas lian teorian filozofion kaj lian plej ĉefan verkon (la „Kritiko de l' pura racio", treege malfacile komprenebla jam por germanoj), sed estas kompreneblaj ankaŭ por nefilozofoj kaj montras la etikon de nia filozofo. —

Oni ofte aŭdas pri la „Kategoria imperativo" de Kant. Li diras: *Mi nur demandas min: Ĉu vi povas voli, ke via maksimo fariĝu ĝenerala leĝo? Se ne, ĝi estas riproĉinda, kaj tio ne pro la malprofito eble rezultanta el ĝi por vi aŭ por alia, sed nur, ĉar ĝi ne ta[ŭ]ĝas, esti akceptata en iun ajn ĝeneralan leĝdonadon."* Do, la fundamenta leĝo de lia „pure praktika racio" (I. 1, 1 § 7) postulas: *„agu tiel, ke la maksimo de via volo ĉiam povas samtempe fariĝi principo de ĝenerala leĝdonado."*

Kaj alia citaĵo el la „Kritiko de l' praktika racio": *„Du aferoj kun ĉiam novaj kaj kreskantaj admiro kaj respektego kaptas mian animon, ju pli ofte kaj ju pli profunde mi meditas pri ili: la astroplena ĉielo super mi kaj la morala leĝo en mi. — La unua, la aspekto de sennombra mondaro kvazaŭ frakasas la gravecon de mi, ĉar mi estas nur bestsimila kreitaĵo, kiu devas redoni la materion, el kiu ĝi — dum mallonga tempo (mi ne scias kiel) — fariĝis, al nia planedo (nura punkto en la universo). La dua tute kontraŭe plialtigas je senfina grado la valoron de mi — ĉar mi estas io inteligenta — pro mia personeco, en kiu la morala leĝo revelacias en mi vivon tute sendependan de l' besteco kaj eĉ de la tuta fizika mondo, minimume laŭ tio, ke mia ekzistado estas per ĉi tiu leĝo destinita al celo, kiu ne estas limigita pro la kondiĉoj kaj limoj de ĉi tiu vivo, sed celas la senfinon.*

* * *

Ĉion ampleksanta geniulo, kiel la germana filozofo Kant, apartenas ne nur al sia germana patrolando, sed al la tuta mondo, kaj li des pli, ĉar li ĉiam restis viro de nepre homaraneca sentado!

* * *

1) La vorto *„transcendentala"* ĝis nun ne ekzistas en la Esperanto-vortaro, tamen ĝi estas nepre necesa filozofa teknika vorto, enhavanta tute alian sencon ol „transcendenta" (ĉe la skolastikistoj la du vortoj estas uzataj samsence). „Transcendentala" estas vorto aplikata de Kant, por aludi la kritikan metodon de la pri-intelekta racia metodo — Mi devus skribi grandan komentarion, por sufiĉe klarigi la aferon, despli komplikan, ĉar mankas ankoraŭ la bezonataj fakesprimoj por tia materio.

2) *„Sperto"* en la filozofa senco de l' Kant-a vorto = sperto rezultinta el kombino de intuo kaj racio, produkto el sensaro kaj racio. „Sperto" baziĝas laŭ Kant sur la fundamentoj de l' sensara kapablo unuflanke kaj de l' racio aliflanke. La unuaj estas „spaco" kaj „tempo", la aliaj la „kategorioj", kiujn Kant enigis en novan sisteman ordon. Ambaŭ kune decidas pri la ebleco (t. e. la sumo de la fundamentaj kondiĉoj) de l' sperto. Do „sperto" laŭ ĉi tiu pli profunda derivo de l' vorto signifas la tutan komplekson de tio, kio inter la limoj de spaco kaj tempo estas ekkonebla laŭ la leĝoj de l' racio (ekz. la leĝoj de l' substanceco kaj de l' kaŭza rilateco).

3) La literaturo pri Kant estas tre grandega, ĝi plenigas tutan bibliotekon. Pripensu, ke ekz. en la *„German Kantian Bibliography"*, kunmetita de *E. Adickes* en amerika gazeto *(Philosophical Review)*, la *nura listo* de la pri-Kant'aj verkoj *ĝis 1804* (la mortjaro de l' filozofo) jam ampleksas *2832 numerojn*.

4) Laŭ sciigo, kiun mi ricevis dum la lastaj tagoj, nia samideano *Christaller* intencas eldoni ĉi tiun verkon esperantigitan.



# LITERATURO



## LA CENTJARO DE BYRON

*1824 — 1924*

de *Edmond Privat.*

☆

Tragedie, kiel li vivis, la brita poeto Byron mortis antaŭ cent jaroj ĉe la bordo de tiu greka tero, kien li fervore alflugis por kunmiliti al ĝia sendependigo. En Ateno, en Londono, en la tuta mondo, lia nomo milfoje elparoliĝos dum ĉi tagoj kaj nia memoro turniĝos al tiu pasia ekzisto mallonga, el kiu tondre elfluis neforgesebla verkaro.

Byron estas eĉ pli fama ekstere ol en sia propra lando. La kontinenta literaturo ĉiam igis lin pli granda ol la brita. Eble neniu angla verkisto krom Shakespeare ĝuas tian tutmondecon. Eĉ en Esperanto la verkoj de Byron eldonitaj estis tradukitaj de Ruso, Franco, kaj Brazilano.*) Multaj Angloj bedaŭras tion kaj preferas iun aŭ alian aŭtoron, laŭ ili decide pli meritan kaj pli indan je tiel vasta gloro. Tamen estas rimarkinde, ke lastatempe la eksterlanda modo ekinfluis la anglan opinion kaj la nuna generacio en Britlando reinteresiĝas je Lord Byron. Lia centjaro tion akcelos.

Kio klarigas tiun strangan diferencon inter la famo de poeto enlande kaj eksterlande? Du kaŭzoj, unu literatura kaj unu mora. Estas tute vere, ke ekzistas pluraj aliaj anglaj aŭtoroj, kiujn eŭropanoj ne sufiĉe konas kaj kies verkoj meritus egalan aŭ plian atenton La ĉiutagaj uzantoj de la angla lingvo rajtas ja mem juĝi pli kompetente ol ni pri siaj propraj trezoroj.

Sed la alia kaŭzo estas la historia, la fakta. Byron ribelis kontraŭ la oficialaj moroj de sia lando Li pekis ofende kaj publike kontraŭ la akceptita virteco de sia epoko. Li sin mem ekzilis de sia patrujo. Li vivis en Ĝenevo kun Shelley, en Venezia kun grafino Guiccioli, en Ravenna, kun revolucianoj. Li admiris Napoleonon, militintan kontraŭ Anglujo, li laŭdis Voltaire kaj Rousseau.

Same kiel hodiaŭ Bernard Shaw, li faris ĉion por subteni opiniojn la plej kontraŭajn al la angla kutimo. Sed la nuna dramverkisto estas severa vegetarano Li vivas plej virte en Adephi Terrace ĉe centro de Londono kaj multaj riĉuloj sin premas ĉe liaj paroladoj por aŭdi sin sprite mokataj aŭ insultataj La tempo ankaŭ ŝanĝis.

Lord Byron havis nedezirindan patron kaj patrinon kun terura karaktero. Li mem estis konstanta ventego, blovanta de amo al kolero, de diboĉo al malavareco, de genio al cinikeco. Dum ceteraj junuloj drinkis aŭ petolis nur sekrete, li malŝatis hipokritecon Skandalo plaĉis al lia fiereco. Anstataŭ lin helpi morale por savi lian sanon kaj genion, liaj samklasanoj fermis la rondon kontraŭ li Ribelo, memekzilo, malamo sekvis. Eksterlande li trovis verajn geamikojn. Jen la dua kaŭzo de lia „eŭropaneco".

Li estis la plej tipa viktimo de tio, kion la Francoj nomis la „malsano de l' centjaro". Post revolucio kaj militego, reakcio revenis en Eŭropon. La junuloj heredis amason da flamantaj ideoj kaj mallarĝan burĝan realecon kune kun senfinaj naŭzo kaj laceco. Post Byron, la francaj poetoj „romantikaj" promenigis tra la vivo sian lacan koron ĵetante al ĉielo kaj tero krion de indigno.

La krio de Byron trairis tutan Eŭropon. En tiu tempo de gigantoj, lia persono mem fariĝis legendo, kiel tiu de Napoleono aŭ de Goethe. Francaj junuloj trinkis el kranioj kredante lin imiti. Li fariĝis reĝo de ĉiulandaj Hamletoj. En ĉiuj liaj verkoj, C h i l d e  H a r o l d, M a n f r e d, D o n  J u a n, ili retrovis ĉiam lin, do sin mem kun animo turmentata.

En lia lando mem vasta publiko entuziasmiĝis pro lia kuraĝego, pro la forteco de liaj esprimoj, pro la supera tono, kun kiu li juĝis homojn, reĝojn, eĉ Dion. Admiro ne ĉiam rekompensis la plej valoran parton de lia verko. Dika voĉo, sensaciaj esprimoj, ofta trograndigo, teatraj intervenoj difektis ne nur lian stilon, sed ankaŭ tiun de sekvintaj romantikuloj kiel Viktor Hugo.

Sed super tiuj makuloj, kia riĉeco de koloroj! Kia forteco de imago! Kia vera grandeco en la priskribo de pejzaĝo aŭ de animstato! Se lin komprenis ne nur Angloj, sed ĉiulandanoj, tio estas ankaŭ ĉar lia lingvo estas samtempe klara per potenco kaj potenca per impresanta klareco. Ĉiu bato trafas. Ĉiu frazo pafas. La poezio de Byron enhavas la kvalitojn kaj la mankojn de elokventeco. Ĝi vidigas kaj sentigas ĉion al leganto, sed ĝi entenas pezajn deklamaĵojn. Pli bele estas aŭdi liajn versojn ol nur legi.

Goethe tre interesiĝis pri Manfred, kiu devenas el simila koncepto. Byron sciis majstre uzi la harpon de naturaj pejzaĝoj por akompani la pensojn de l' homo. La impresa soleco de l' montsumoj en Manfred, la senĉesa frapado de l' ondoj ĉe la Kastelo de Chillon, ĉiun troveblan ritmon de l' naturo li uzis por akcenti ritmon de homa korbatado.

Delikateco mirinda montriĝas en la priskribo de l' amo de Hajdeo sur paca marbordo, senhoma kaj milde ŝaŭmanta. Vera grandeco majestas en la interparolo solena de anĝelo Gabrielo kun eks-kolego Satano ĉe l' pordo de l' Paradizo.

Tiu pasia malfeliĉulo kaj ribela fierulo estis artisto genia. Hodiaŭ la britoj kaj la mondo rememoras tion. Kaj la grekoj memoros pri la kuraĝa amiko doninta sian vivon por la tero de Homero.

Dum la antaŭpaska nokto, sur la nevideblaj radio-ondoj de la lasta homa eltrovaĵo, la plej belaj versoj de Byron, laŭtlegataj en Londono, disflugos trans maroj kaj montaroj al miloj da silentaj aŭdantoj, ravotaj ankaŭ siavice de tiu voĉo reviva.

---

*) D-ro Noel: *Ĉielo kaj tero.* Kolman: *Kain.* D-ro Venancia da Silva: *Manfred kaj Parizina.*

# PARIZINA

de Lord Byron.

Kelkaj partoj de la poemo, eltiritaj el traduko de *D-ro Venancia da Silva.**)

Dum la regado de Nikolao III, Ferrara estis makulita de hejma tragedio. Markizo de Este punis la amon de sia edzino Parizina kaj sia bastarda filo Hugo, bela kaj kuraĝa junulo, de kiu li forrabis la fianĉinon. Ili estis senkapigitaj en la kastelo, post la sentenco de la patro kaj edzo.

## La Amo.

Estas la horo, kiam oni aŭdas el arbaroj la akran pepadon de la najtingalo; estas la horo, kiam la promesoj de la geamantoj ŝajnas dolĉaj je ĉia mallaŭta vorto, kaj malforta venteto, proksimaj riveretoj muzikas al la dezerta orelo; kiam la roso delikate surverŝas la florojn; la steloj brilas sur la ĉielo, la lazuro de l' ondoj estas pli densa, la koloro de la foliaro pli bruna; kaj en la spaco vastiĝas la malhela lumo, dolĉa, pura, kiu sekvas la falon de l' tago, kiam la krepusko fluidiĝas sub la leviĝo de la luno.

Sed ne por aŭdi la bruadon de l' akvofalo, Parizina forlasas sian ĉambron, ne por rigardadi la ĉielan lumon ŝi promenas en ombro de la nokto; ŝi sidiĝas en la arbareto de Este, ne pro amo al ĝiaj floroj tute ekfloritaj; ŝi atentas ne al najtingalo, sed al alia kanto tiel amema. Tie glitas paŝoj sur la dika foliaro; ŝia vizaĝo paliĝas, ŝia koro batas rapide; unu voĉo paroletas tra la bruantaj folioj, la ruĝeco revenas al ŝia vizaĝo, ŝia brusto spiras. Unu momenton plu, ili sin renkontos. Ĝi pasis... La amanto staras apud ŝiaj piedoj...

Kio estas por ili la ĉirkaŭanta mondo, kun ĝia ŝanĝo de tempo kaj sezono? La estaĵoj, la tero, la ĉielo estas nenio por iliaj spirito kaj okuloj. Kiel la mortintoj, ili estas indiferentaj pri ĉio envolvanta ilin. Kvazaŭ ĉio estis mortinta, ili sole vivas unu por la alia; iliaj ekĝemoj mem estas plenaj de ĝojo tiel profunda, ke se ĝi ne malfortiĝus, tiu feliĉa frenezeco detruus la korojn suferintajn ĝian varmegan jugon. Ĉu en tiel tumulta kaj amema revo ili pensas pri krimo aŭ danĝero? Kiu, sub la jugo de tiu pasio, haltis aŭ timiĝis en tia horo, aŭ pensis kiel mallongaj estas tiaj momentoj? Sed tamen, ili jam pasis... Ho ve! ni devas vekiĝi, antaŭ scii, ke tiu revo ne revenos plu...

## La kondamno.

Kvieta, pala, senvorta, Parizina atendis sian juĝon; kiel ŝi ŝanĝiĝis de post lasta fojo, kiam ŝiaj vivaj okuloj dissemis ĝojon ĉirkaŭ la hela salono, kie nobeloj fieriĝis atendi, kie beleco aspiregis imiti ŝian ĝentilan voĉon kaj amindan mienon, kaj kolekti el ŝia aero kaj paŝado la ĉarmojn de ilia reĝino. Ke ŝiaj okuloj tiam ploru pro malgajeco, tuj mil militistoj antaŭenirus, mil elingitaj glavoj brilus propriganto al si ŝian malpacon. Kio estas nun ŝi? Kio estas ili? Ĉu ŝi povas ordoni; ĉu ili povas obei? Silente kaj indiferente, kun la okuloj mallevitaj, la brovo sulkigita, la brakoj krucigitaj, la mieno glaciumita, la lipoj malfacile kaŝantaj la sarkasmon, tie staras la kavaliroj, la sinjorinoj, la tuta kortego fine.

Ke li, la elektita, kies lanco ĵus kuŝanta antaŭ lia rigardo, havu la brakojn malligitajn unu momenton, li mortus aŭ gajnus la liberecon...

Li ankaŭ estis plorinta pro ŝi; sed pro la ĉeestantoj rigardantaj lin, lia malĝojo, se li havus ĝin, ne aperis. Li altigis fieran kaj severan frunton, se ian ĉagrenon lia animo sentus, li ne tremis antaŭ la amaso; tamen li ne kuraĝis rigardi ŝin. La memoro al la pasintaj horoj, lia krimo, lia amo, lia nuna stato, la patra kolero, la malamo de la honestaj homoj, lia tera kaj eterna fatalo, ŝia fatalo, ho! la ŝia, tio malpermesis al li rigardi ŝian malĝojegan frunton! Alie, lia ravita koro malkaŝus konsciencan riproĉon pro la tuta malbono, kiun ĝi faris.

## La morto.

Li silentis kaj staris kun la krucigitaj brakoj, sur kiuj resonis la ĉirkaŭantaj katenoj; neniu estro inter ĉiuj tie ĉeestantaj sentis sian orelon vunditan, kiam tintis tiuj pezaj ĉenoj. Tiam la mortaj ĉarmoj de Parizina ree altiris ĉiujn rigardojn. Ĉu ŝi povus aŭdi tiel lian kondamnon al la morto? Pala kaj silenta ŝi staris, la viva kaŭzo de la malfeliĉo de Hugo: ŝiaj grandaj okuloj nemoveblaj, nek foje turniĝis ien flanken, nek foje la palpebroj fermiĝis kaŝante la helon, kiun ili ŝirmis; sed ĉirkaŭ ĝiaj globoj je la plej densa lazuro, la blanka rondo plivastiĝis, kaj tie ŝi montris sin kun tiel vitreca rigardo, kvazaŭ ŝia malmoligita sango estus glaciigita: iafoje dikaj larmoj amasiĝis malrapide kaj glitis el la longa kaj nigra franĝo de la belaj palpebroj. Estas vidinda ne aŭdinda afero; kaj ĉiuj ĉeestantoj surpriziĝis, ke tiaj larmoj povas elflui el homaj okuloj. Ŝi provis paroli, la nefinita vorto sufokiĝis en la ŝvelita gorĝo; ŝajnis, ke ŝia tuta kuraĝo ŝprucis en la tono de tiu mallaŭta ĝemo. Tio ĉesis, ŝi provis ree paroli, sed ŝia voĉo eksplodis kiel akra krio, kaj ŝi falis teren, kvazaŭ ŝtono deĵetita el sia fundamento.

La sonoriloj de la monaĥejoj malĝoje kaj malrapide sonoras, balanciĝante en la malhela kvarangula turo, kun profundaj sonoj, kiuj funebre vundas la koron! Atentu! Oni ekkantas la himnon, la kanton por la mortintoj, aŭ por la vivantoj, kiuj estas baldaŭ mortontaj! Por la animo de ia foriganta ekzistaĵo, la morta himno resonas, la konkavaj sonoriloj sonoras. Li proksimiĝas al la templimo de la vivo, genufleksante antaŭ la genuoj de monaĥo. Malĝoja aŭdado, kompatinda spektaklo estis vidi lin genufleksitan antaŭ la ŝtipo, sur la nuda, malvarma tero, ĉirkaŭitan de la gvardioj, kies estro, kun la brako nuda, ekzamenas ĉu la tranĉrando estas akra kaj firma, por ke la bato estu rapida kaj certa. Dume, la popolamaso kunvenas en silenta rondo, por vidi la ekzekutiĝon de la filo kondamnita de la patro.

Estas proksimume la ĉarma horo antaŭ la subiro de la somera suno. Lumigante tiun malĝojan tagon kaj mokante je ĝi kun la plej firmaj radioj, la suno brilis sur la kondamnita kapo de Hugo, kiam lastafoje li, konfesante sin al monaĥo, plorante sian fatalon, pentofarante, kurbiĝis por aŭdi la vortojn de pardono, kiu estingas la mortajn pekojn. La alta suno brilis sur la bukloj de liaj kaŝtanaj haroj, frizitaj laŭlonge de la nuda kolo; sed pli brila ankoraŭ estis la radio ĵetita sur la hakilon rebrilantan apud li kun klara kaj funebra relumo. Ho! maldolĉa horo de l' foriro! Eĉ la sensentaj restis glaciigitaj pro timo. Kvankam la krimo estis grandega, kaj la leĝo justa, tamen ili tremis antaŭ la spektaklo.

*) Presita ĉe Presa Esp.-Societo, Paris 1912.



# TRA LA MONDO ESPERANTISTA



## Informilo de Esperantistaj Organizaĵoj.

### Esperantista Akademio.

Sekcio por la teknikaj kaj sciencaj vortaroj.

Tria cirkulero.

Per la 1ª Cirkulero (Aŭgusto 1922) la Direktoro de la Sekcio klarigis ĝeneralan labormetodon, kaj donis utilajn konsilojn al la bonvolemaj kunlaborantoj.

Per la 2ª (Marto 1923) li sciigis la interesatojn pri la aliĝo de 103 samideanoj pretaj por komenci sian kunlaboradon, kaj publikigis unuan nomaron de fakestroj; plena listo de la manuskriptoj konservataj en niaj arĥivoj estis samtempe konigata.

Per la nuna 3ª Cirkulero, la Direktoro de la Sekcio denove insistas, por ke aliĝu kaj enskribiĝu novaj kunlaborontoj, por ke la jam aliĝintaj samideanoj bonvolu atente konsideri la eblecon fariĝi fakestroj, en la fako de la ĝenerala tekniko, aŭ en sia propra profesio aŭ metio.

Por faciligi ilian decidon, kaj montri al ili la ĝustan vojon, ni ĉi sube donas la liston de la temoj, super kiuj jam nuntempe laboras kelkaj fakestroj, helpataj de alinaciecaj kompetentuloj:

*Medicino.* — Fakestro: D-ro Briquet, 31, rue de la Bassée, Lille, Francujo.

*Vitraĵoj.* — Fakestro: S-ro Balliman, 5, rue de Provence, Paris.

*Kudromaŝino.* — S-ro Brunet, mekanikisto, 59, cours Victor-Hugo, Bordeaux, Gironde, Francujo.

*Meblofabrikado.* — Fakestro: S-ro Karl Fröding, 419, Seventh str., Rockford (Ill)., Usono.

*Fervojoj.* — Fakestro: S-ro Edw. M. Rosher, inĝ., 125 A, Beulah str., San Francisco, Usono.

*Telegrafo, Telefono, T. S. F.* — Fakestro: S-ro R. Raven Hart, Union Club, Necochea y Perú, Mendoza, Argentino.

*Geologio.* — Fakestro: S-ro S. Obruĉev, Arbat, Kaloŝin per 4, Kv. 8, Moskvo, Rusujo.

*Zoologio.* — Fakestro: S-ro Schröder, en Wien, Aŭstrujo.

*Dogano.* — Fakestro: S-ro R. Maraury, en Salamanca, Hisp.

*Abelkulturo.* — Fakestro: S-ro Pastro Siegel, en Unterlauter, Coburg, Germanujo.

*Muzikaj instrumentoj.* — Fakestro: S-ro W. Kalitzke, en Posnan, Polujo.

*Librotenado, Librobindado.* — Fakestro: S-ro Konig Lajos, en Miskolcz, Hungarujo.

*Filatelio.* — Fakestro: S-ro H. M. Scott, en Moundsville, Usono.

*Banko.* — Fakestro: S-ro Delanoue, 4, rue Charles-Divry, Paris-14º.

*Komerco ĝenerala.* — Fakestro: Societo „Esperanto kaj Komerco"; Sekr.: S-ro Dény, 20, rue de l'Arc-de-Triomphe, Paris.

* * *

Progresas do nia afero; sed restas ankoraŭ tro multe da fakoj pristudotaj, kiuj atendas sian fakestron.

*De nun estas dezirinde, ke ĉiu el la suprenomitaj fakestroj bonvolu sciigi nin, almenaŭ unu-dufoje dum la jaro, pri la stato de la laboro efektiviĝ'a sub lia gvidado;* tiom ja faris kelkaj el ili, i. a. S-ro E. M. Rosher, fakestro pri Fervoja terminaro; jen laŭdinda kaj imitinda ekzemplo.

S-ro inĝ. Pratley, el Wesmount, Québec, sendis du ekzemplerojn de grava terminaro pri pontokonstruado.

S-ro José Paluzie, el Barcelona, Hisp., sendis du ekzemplerojn de verko pri ŝakterminaro.

S-ro H. Dubuisson, 18, rue Bellevue, Le Hâvre, Francujo, sendis 10-paĝan nomaron de iloj kaj aparatoj por elektra lumkaj sonorigado, telefon- kaj telegrafado.

S-ro Casto Juarez sendis liston pri piedpilkoludo.

S-ro Balliman, el Paris, fakestro, sendis sian specialan laboron pri domvitroj kaj glacoj; ni elĉerpas el tiu proponita terminaro kelkajn novkreitajn vortojn, pri kiuj estas dezirinda la opinio de la kompetentuloj, kiuj eventuale legos tiujn liniojn.

**Bizelo:** fr. biseau — angl. bevel — germ. Facette — hol. facet — it. bisello (molatura) — hisp. bisel — port. bisel.

**Ĉanfro:** fr. chanfrein — angl. chamfer — germ. schräger Schliff — hol. facet poli — it. piccolo bisello — hisp. chaflán — port. chanfrado.

**Domvitro:** fr. verre à vitres — angl. window glass — germ. Fensterglas — hol. vensterglas — it. vetro soffiato — hisp. vidrio soplado — port. vidro de vidraça.

**Falzo:** fr. feuillure — angl. sash — germ. innerer Falz — hol. sponning — it. scanalatura — hisp. ranura — port. entalhe.

**Glaco:** fr. glace — angl. polished plate glass — germ. Spiegelglas — hol. spiegelglas — it. cristallo — his. luna — port. vidro.

**Retumita:** fr. armé — angl. wired — germ. mit Drahteinlage — hol. med draad — it. retinato — hisp. armado — port. armada.

**Smota:** fr. douci — angl. smoothed — germ. schleife — hol. gesavonneerd — it. arruotato — hisp. desbastado — port. amaciado.

**Vitralo:** fr. vitrail — angl. leaded light — germ. Kirchenfenster — hol. kerkramm — it. invetriata — hisp. vidriera — port. vitral.

* * *

La nove fondita Societo „Esperanto kaj Komerco" decidis entrepreni la taskon pri la komunaj terminoj de la *ĝenerala komerco;* tiu Societo baldaŭ skribos al similaj eksterfrancujaj societoj por ke ili partoprenu la tiom bezonatan kaj urĝantan laboron.

La Direktoro:

*Rollet de l'Isle*

35, rue du Sommerard, Paris.

Marto 1924.

* * *

*P. S.* — Du preseraroj enŝoviĝis en la 2ª Cirkulero. Sur la paĝo 3ª linio 1ª oni devas legi: Geometria terminaro (A. Mazzolini). Sur la sama paĝo, legu vol. I de Vortaro Schlomann anstataŭ vol. III.

# Komerca kaj turisma konferenco en Venezia 1924.

## Financa raporto.

La Itala Komerca Ĉambro en Venezia kunvokis laŭ instigo de D-ro Privat konferencon pri internacia lingvo en komerco kaj turismo. La Centra Oficejo de UEA prizorgis parton de la teknika laboro tiom kiom koncernis esperantistajn detalojn. La subskribinto estis komisiita prizorgi la financajn negocojn kiel por la Lerneja konferenco okazinta dum 1922 en Genève. Post akcepto de la bilanco de UEA per la komitato ni povas publiki la konton pri la spezoj de tiu konferenco. La detaloj estas:

**Elspezoj:**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Presaĵoj, cirkuleroj, leterpapero, programoj, div. materialo | | Fr. 646.29 | |
| Afranko | | „ 629.60 | |
| Subteno de vojaĝo al 12 delegitoj | | „ 1012.00 | |
| Salajroj | | „ 275.00 | |
| Elspezoj de Itala Federacio | Fr. 146.70 | | |
| Elspezoj de franca sekretario | „ 175.00 | „ 321.70 | |
| Gvidlibroj de Venezia | | „ 225.00 | |
| Diversaj elspezoj | | „ 308.75 | |
| Preso de raportoj | | „ 847.50 | |
| Sumo de la elspezoj | | Fr. 4265.84 | 4265.84 |

**Enspezoj:**

| | | | |
|---|---|---|---|
| 90 donancintoj | | Fr. 2933.43 | |
| Itala Federacio | Fr. 146.70 | | |
| S-ro Archdeacon | „ 175.00 | „ 321.70 | |
| Kotizoj | | „ 701.00 | |
| Venditaj raportoj | | „ 217.60 | |
| Sumo de la enspezoj | | Fr. 4173.73 | 4173.73 |
| Deficito egaligita de UEA (Bilanco, Spec. Konto) | | | Fr. 92.11 |

**Klarigo:**

Presaĵo ktp.: La Itala Komerca Ĉambro dissendis al pli ol 2000 Komercaj Ĉambroj invitleteron; la kostoj de tiu ampleksa propagando estis parte pagitaj de la I. K. Ĉ., parte de ni mem. Krom tio estis dissenditaj specialaj cirkuleroj al la delegitoj de UEA kiel al organizaĵoj de internacia karaktero.

Afranko: Kompare kun la miloj da senditaj dokumentoj (la invitleteroj kiel leteroj fermitaj) la elspezo de 629.60 Fr. estas modera. Tion ni dankas al kombinita aranĝo kaj sendo laŭ elprovita maniero kun celo redukti la kostojn kiom eble plej multe. Alie ni estus devintaj elspezi proksimume 1000 Fr. En tiu sumo de 629.60 estas ankaŭ la sendo de la raporto al la organizaĵoj partoprenintaj la konferencon.

Elspezoj de Itala Federacio: Diversaj elspezoj por klopodoj ĉe aŭtoritatoj, registaro ktp. Enskribita sub *Enspezoj* kiel donaco, do nur memora cifero.

Same pri la donaco de S-ro Archdeacon en Paris pagínte la elspezojn de franca sekretario.

Gvidlibroj: Ĉiu partopreninto ricevis tiun libron. Ni aĉetis 150 ekzemplerojn po 6 liroj = 900 L. aŭ 225 Fr. Diversaj elspezoj ĉirkaŭ dekdu diversaj kategorioj kiel telegramoj, malgrandaj elspezoj en Venezia, luo de maŝinoj, trinkmonoj ktp.

*Preso de raportoj:* Entenas la koston de la represo de esperanta raporto 67.50 kaj la franca kiu kostis 780 Fr.

La enspezoj dividiĝas kiel donacoj, kotizoj, venditaj raportoj. En la donacoj troviĝas ankaŭ la sumoj kolektitaj en Venezia kun la celo subteni la presadon de la raporto. Pleje partoprenis en la subteno de la konferenco britaj, svisaj kaj francaj samideanoj.

La deficito de 92.11 Fr. estis egaligita; ĝi estas kovrita per la provizo de raportoj ankoraŭ vendotaj.

*Hans Jakob*
sekretario-kasisto de la konferenco.

# XVIª Universala Kongreso de Esperanto en Wien — Vieno, 6—13 aŭgusto 1924.

Leter- kaj telegram-adreso: **Esperanto-Kongreso, Wien.**

## La tria bulteno.

15 Marto 1924.

La ĝis hodiaŭ aliĝinta kongresanaro, *la unuaj du miloj,* jam havas vere *internacian* aspekton. Alvenis aliĝiloj el: Afriko suda, Alĝerio, Anglujo, Aŭstrujo, Belgujo, Bulgarujo, Ĉeĥoslovakio, Danio, Danzig, Estonio, Francujo, Germanujo, Grekujo, Hispanujo, Hungarujo, Italujo, Jugoslavio, Latvio, Litovujo, Nederlando, Polujo, Rumanujo, Ruslando, Skotlando, Svedujo, Svislando, Usono.

Konsiderante la fakton, ke malproksimaj landoj ricevis la invitilon de la XVIª tre malfrue, la L. K. K. decidis, ke la kotizo *ne* estu *altigota* jam la 31ªⁿ de Marto, sed por aliĝoj alvenantaj *post* la 31ª de *Majo.*

La L. K. K. decidis prezenti al la kongresanoj kiel *festteatraĵon* ne sentimentalan, sed gajigan, vere laŭtipe Vienan sorĉfabelon: *Raimund: „Der Verschwender“* („La malŝparulo“), tradukita de kolonelo Zwach-Vieno. La aktoraro nuntempe ekzercadas la esperantan lingvon. Tekstlibro tre baldaŭ estos eldonata de Hirt & Sohn en Leipzig.

Nun preparata ĉefbulteno, eldonata komence de Aprilo, raportos detale pri la tuta kongresa *programo.* Ĝi estos forsendota kun la *kongreskarto* al ĉiuj aliĝintoj kaj al interesuloj. Kompleta listo de *fakkonferencoj* kun adresoj de aranĝantoj ankaŭ estos publikigota en la ĉefbulteno. Krom tio la ĉefbulteno enhavos raportojn pri projektata *ekspozicio* kaj naciaj informejoj, ankaŭ pri *esperantaj ekzamenoj* dum la kongreso, postulata de aliĝintoj el diversaj landoj.

La esperantistaj societoj en Wien per la esperantista delegitaro aranĝis specialajn ekzercadojn por *gvidantoj,* perfektigante ilin por ĉiuj eblaj taskoj en la granda urbo kun la amaso de vidindaĵoj kaj en la belega ĉirkaŭaĵo, por kontentigi la kongresgastojn.

La L. K. K. denove petas sendi la aliĝilojn kiel eble plej frue por plifaciligi la laboron al la kongresa oficejo, kaj sendas al ĉiuj helpemaj samideanoj korajn salutojn kaj dankon.

Loka Kongresa Komitato
*Schade,* ĉefsekretario.

# Internacia Kristana Kongreso.

De la 3—10 aŭgusto 1924 okazos en Soesterberg, Nederlando, internacia kongreso de la liberala, kristana, junula ligo. La prezidanto de la Nederlanda Ligo principe konsentis allasi Esperanton kaj inviti esperantiston por paroli mallonge en Esperanto, se sufiĉe granda nombro de esperantistoj petas tion.

Samideanoj, vizitu do la kongreson kaj se vi ne povas tien iri, skribu al la prezidanto S-ro J. de Koning, Zocherstrato 79, Amsterdam, por subteni nian peton, ankaŭ akcepti Esperanton kiel kongreslingvon.

*Julia Isbrücker.*



## Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj

## OFICIALA INFORMILO.

*Aperas ĉiumonate.*

**Jarkotizo:** 6 ŝil. ang. [5 ŝil.], 6 jen jap. [5 jen], 12 Fr. fr.-belg. [10 Fr. fr.-belg.], 15 lir. [12 lir.], 15 Kĉ. [12 Kĉ.]; malbonvalutanoj el *Aŭstrio*, Germanio, Hungario, Pollando kaj Ruslando pagas 2 fr. sv. [1 fr. sv.]; membroj de tie ĉi ne nomitaj landoj pagas 6 fr. svisajn [5 fr. sv.]. *Monsumon en la krampoj pagas membroj malnovaj.*

Se la membro ne povas pagi sian kotizon per papermono en citita valuto, pagu ĝin per respondkuponoj en indikita egalvaloro per rekomendita letero.

Modelon de „ALIĜILO" vidu en O. I. de I. A. E. F., januara numero de „ESPERANTO".

*Morala devo de ĉiu nia ano estas, ke li varbu almenaŭ unu fervoran membron. Aliĝo al UEA estas rekomendata al ĉiuj I. A. E. F.-anoj.*

*Antaŭ vi faras ian demandon al la komitato aŭ redakcio, bonvolu atente tralegi ĉiujn ĝis nun aperintajn sciigojn en „La Fervojisto", julio 1923, N-ro 1, kaj en Oficiala Informilo depost aŭg.-sept. 1923.*

*Redaktoro:* Josef Blažek, inspektoro, Olomouc, Müllerova 24 (Ĉeĥoslovakio) (akceptas ĉiujn manuskriptojn por la Oficiala Informilo).

*Kasisto:* Emanuel Kubásek, revizoro, Plzeň, Lobezská 12 (Ĉeĥoslovakio) (akceptas ĉiun monon por la I. A. E F. kaj la Oficiala Informilo)

---

**Grava sciigo.** — Simile kiel en Helsinki — Helsingfors — kaj en Nürnberg okazos ankaŭ en Wien dum la XVIa Kongreso de Esperanto internacia fervoja fakkunsido. Laŭ ĝisnuna situacio ni anoncas jenan programon:

1. Raportoj de I. A. E. F.-estraranoj por la jaro 1923/24 kun bilanco. — Delegitoj pri hejmolanda Esperanto-movado inter la fervojistoj.
2. Elekto de nova (I. A. E. F.) estraro.
3. Fakrevuo.
4. Kotizoj.
5. Liberaj proponoj (skribe ricevitaj laŭ statutoj).
6. Fotografado de partoprenantaj gekonferencanoj.

S-ro H. Steiner, inspektoro, nia asesoro por Aŭstria Respubliko, certe penos en konsento kun la L. K. K. prepari ĉion, kio estas bezona por bona aranĝo kaj sukcesa okazigo de nia jarkunveno (unu aŭ du fakkunsidoj po 2-3 horoj), okazonta tuj en la unuaj kongrestagoj. Antaŭ la jarkunveno okazos unu- aŭ duhora antaŭkunsido de sinjoroj estraranoj kaj ĉiulandaj delegitoj (nelongdaŭra pridiskuto de la tagordo). S-ro H. Steiner sciigos afable baldaŭ al nia redakcio tiurilatajn necesajn informojn, por ke ni povu ilin publikigi ĝustatempe kaj precize en la O. I.

**Grava atentigo al ĉiulandaj gefervojistoj.** — Kiel konate, la I. A. E. F. intencas serioze kaj jam de longe eldoni regulan memstaran fakrevuon eble ilustritan. La komencon ni faris, eldoninte en julio 1923 „La Fervojisto"-n N-ro I. Sed pro manko de abonpago eĉ de spertaj kunlaborantoj ni estis devigitaj ĉesi la eldonadon kaj eldoni nur O. I. kiel aldonon de „Esperanto" (Genève).

Do unue pro malriĉa asocia kaso — nur ĉirkaŭ 100 viglaj membroj pagas regule sian jarkotizon — due pro manko de redakciaj taŭgaj kunlaboraĵoj ne sukcesis ĝis nun la entrepreno kun nia fakrevuo.

Jam en la „Invito" al la jarkunveno en Nürnberg, vidu „La Fervojisto"-n, N-ro I, oni klare tion diris: „Se niaj ĉiulandaj asesoroj kaj delegitoj fervore kunlaboros kun la I. A. E. F.-estraro, se ili varbos kaj garantios por ĉiu lando minimume 50 abonantojn por nia fakrevuo „La Fervojisto", tiam ni sukcesos eldoni regulan ĉiumonatan fakrevuon, aŭ ni povos aliĝi sukcesplene tute memstare al iu alia jam ekzistanta granda kaj serioza revuo."

Do ĉiulandaj gesinjoroj asesoroj kaj perantdelegitoj estas la lastan fojon insiste petataj fari tuj preparojn tiurilatajn, skribi listojn de aliĝintaj kaj de novaj fervoraj membroj kaj samtempe penadi gajni konstantajn seriozajn spertajn kunlaborantojn.

Nur en tiu kazo, se ĉiuj asesoroj vigle ekkomencos subteni la I. A. E. F.-estraron, ni povos plenumi la starigitan programon asocian.

Rilate abonpagon restos la ĝisnuna principo, ke ĉiu aktiva aŭ subtenanta membro, kiu pagos regule la supre cititan kotizon ĉiujare denove fiksitan, ricevos la fakrevuon senpage.

Sole en intereso de nia komuna laboro la redakcio kaj administracio elpetas precizan laŭeble poŝtrevenan respondon de la asesoroj al nia demando: Ĉu nia membraro deziras subteni morale kaj per monrimedoj la elektitan I. A. E. F.-estraron aŭ, ĉu oni rekomendas tuj trakti kun UEA-estraro jenmaniere, ke I. A. E. F. disiĝos kaj ĉiuj I. A. E. F.-anoj aliĝos kiel MA al UEA, se UEA-estraro rezervos kaj garantios senpagan konstantan paĝon aŭ almenaŭ unu kolonon en sia organo „Esperanto" por „fervojistaĵoj", t. e., se UEA senpage publikigos la ricevitajn oficialajn sciigojn eĉ koncize skribitajn fakartikolojn de izolaj fervojistaj grupoj.

Nur tiam, se la priskribitaj cirkonstancoj pliboniĝos, ni povos eldoni „La Fervojisto"-n N-ro 2, jam depost aŭgusto 1924 regule. La listojn de novaj fervoraj membroj kiel eble plej baldaŭ skribitajn, oni bonvolu sendi al la redaktoro de I. A. E. F.-O. I. De tiu ĉi enketo dependas, ĉu la I. A. E. F. sukcesos aŭ ne sukcesos eldonadi regule depost aŭgusto 1924 sian propran internacian revuon.

*Bl.*

*

## Internacia Fervoja Konferenco
### en České Budějovice.

Raporto de S-ro Emanuel Kubásek.

(Daŭrigo.)

En la nomo de la eksterlandaj fervojadministracioj dankis vicdirektoro de l' reĝa hungara sudfervojo, D-ro Hiesz, kaj li konfirmis la sinceran bonvenigon kaj ĉiuflankan komplezemon, per kiu oni superŝutis la alvenintan delegitaron jam en la limstacioj sur la teritorio ĉeĥoslovaka; li estas konvinkita, ke la komuna laboro povas nur konduki nin al bona rezultato.

En la nomo de la jugoslavaj ŝtataj fervojoj ekparolis per vere kortuŝa tono, saturita per bona amikeco inter ĉeĥoslovaka respubliko kaj la reĝolando de Serboj, Kroatoj kaj Slovenoj, en senerara ĉeĥoslovaka lingvo departementestro S-ro Jovanoviĉ, kaj ĝuste li diris, ke ni devas krei bonan kaj rapidan fervojan ligilon, kiu estas efektive angioj de la ekonomia vivo de ĉiu ŝtato.

Tuj poste oni unuanime elektis kiel prezidanton de la internacia konferenco ĉefinspektoron V. Stropnický de l' ĉeĥoslovaka ŝtata fervoja direkcio Praha-Jih (sudo).

La programo:

I. Pridiskuto de ĝeneralaj transportreguloj de la rekta translima ŝarĝvagonara trafiko.
II. Starigo de ĉefaj vojoj de translima irado de l' ŝarĝvagonaroj por la transportado de plenvagonaj sendaĵoj por la horaro 1924/25.
   A) Ĉeĥoslovakio — Italio — Ĉeĥoslovakio.
      1. De Břeclava, Děv. N. Ves (Marchegg) trans
         a) Spielfeld, Maribor, Postumia kaj returnen.
         b) Bruck a. M., Leoben, Villach, Tarvisio kaj returnen.
         c) Strasshof, Linz, Salzburg, Innsbruck, Brenner kaj returnen.
      2. De České Budějovice trans
         a) Sumerau, Skt. Miĥael, Glandorf, Jesenica, Piedicolle kaj returnen.
         b) Sumerau, Skt. Miĥael, Glandorf, Arnoldstein, Tarvisio kaj returnen.
         c) Sumerau, Linz, Salzburg, Innsbruck, Brenner kaj returnen.
   B) Ĉeĥoslovakio — Svislando — Ĉeĥoslovakio.
      1. De Břeclava, Děv. N. Ves (Marchegg) trans
         a) Strasshof, Linz, Salzburg, Innsbruck, Bregenz, Lindaŭ kaj returnen.
         b) Strasshof, Linz, Salzburg, Innsbruck, Bludenz, Buchs kaj returnen.

(Daŭrigo sekvos.)

## Esperantista Literatura Asocio.

*Aprila raporto.*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

Nia tuta pensado alcelas la publikigon de seneraraj, perfektaj libroj. En la Marta raporto ni parolis pri la kontrol-maniero, kontrol-ebleco de nia asocio. Tial ke ne ĉiuj niaj karaj gekolegoj tuj estas perfektuloj, ĝis nun ne estis eble, eviti nepre ĉiujn malkorektaĵojn en verkoj rekomenditaj de E. L. A. Ili aperis *laŭeble* bonaj kaj pro tio estas rekomenditaj.*)

Ni esperas, ke estonte ni sukcesos, nin certigi pri efektiva senerareco de ia verko, antaŭ ol ĝin rekomendi.

Ni due esperas, ke niaj lingvo-perfektuloj havos sufiĉe da tempo, por povi ofte helpi per kontrolado de manuskriptoj. Eble ankaŭ ia „pliboniĝo de l' tempo", plifaciliĝo de la vivado ĝenerale, permesos, ke en estonteco denove pli ol unu, eble du aŭ tri diversnaciaj kolegoj, kontrolos senditajn, sendotajn al ni manuskriptojn.

Tiamaniere ni eble, espereble, iom post iom kunhelpos, ke aperos vere perfektaj verkoj. —

Antaŭ kelka tempo E. L. A. ricevis tre interesan leteron el la ĉefurbo de Japanujo, el Tokio. La ŝatataj samideanoj tieaj sciigas, ke post la katastrofo, la tertremo, esperplene komenciĝis rekonstruo ĝenerale kaj kun ĝi reviglĝo de la Esper.-movado. La Japana Asocio por Ligo de Nacioj jam de longe konsciis la neceson de internacia lingvo. Ĝi, la Asocio, nun aranĝis Esper.-fakon kun dankinda helpo de la Japana Esperanto-Instituto. Ĉi tiu fako nun aranĝas Esper.-kurson por 50 asocianoj. La Japana Asocio petas aliajn asociojn, interŝanĝi kun ĝi raportojn, presaĵojn kaj ĵurnalojn kaj tiel fervore kunlabori por „efektivigo de la bela sonĝo de l' homaro." —

Momente tralegata manuskripto estas „La praktikado de la aŭtosugestio", angle de C. Harry Brooks, Esperante de G. D. Lewis.

Danke ni ricevis kotizojn, parte kun „aldono", de F-ino I. Bücker, S-roj M. Buloĉkin, Max Butin, A. Caumont, Leono Funken, Hans Poensgen.

Apartajn kvitancojn ni ne povas sendi; oni bonvolu kontentiĝi je pago-konstato en la raportoj.

Kelkaj francaj samideanoj sendis kiel kotizon 5 *francajn* frankojn. Ĉi tiu sumeto *ne* sufiĉas. Kiu pagas per francaj monbiletoj, tiu afable sendu ne malpli ol 20 frankojn. Kaj la kolegojn, jam pagintajn per franca mono, ni kore petas, postsendi 15 frankojn.

*Novaj membroj:* S-ro Richard E. H. Levin, 30 rue Ferrandière, Lyon, Francujo; S-ro Gabriel D. Lewis, 1 Warren Road, Haylake, Birkenhead, Auglujo.

*Johanna Zschepank,*
Dresden-A. 19, Paul-Gerhardt-Str. 22.

*) Oni afable diferencigu: *rekomenditaj, ne aprobitaj.*

**!**

*Al la nuna numero*
*estas aldonata*
**„Horaro de Senfadena Telefonio".**

## ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 107.**
*O. Votruba* kaj *K. Traxler.*
[Nár Politika 1923].



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 108.**
*Johan Scheel.*
[Norsk Skakblad 1919].



Blanko matas per la 2-a movo.

Kvankam la enhavo de N-ro 107 estas tre simpla, surprizas ĝi per la mirinda unua movo — vere malofitaĵo! — En 108 temas pri la liberigo de la vojo al la D, kiu estas trifoje interrompita.

**Problemo N-ro 109.**
*O. T. Bláthy*, Budapest.
[Wiener Schachzeitung 1906].



Sinmatigo per la 2-a movo.

*La sinmatigo.* Kelkfoje oni ne volis kompreni la kialon pri la konstruado de la sinmatigoj, kaj oni eĉ pridubis ilian ekzistrajton. Estu tie ĉi notite, ke la sm-oj aperis jam antaŭ kelke da jarcentoj en la ŝakhistorio, kaj ke per ilia ekzistigo volis la aŭtoroj plene kaj ĝisfunde elĉerpi ĉiun belecon kaŝitan en la ŝakludo. Ne la rekta ludo povas vere fordoni ĉiun frukton, riceveblan de la reciproka kaj diverse kombinita efiko de la ŝakfiguroj. Ekzempligi ni povus tion eble per pozicio, en kiu troviĝas la b l a n k a R e ĝ o sola. Similan R ne povas tute valorigi la rekta problemo, ĉar per la sola R ne estas eble mati. Sed en la sama okazo estas eble renversi la rektan postulon pri la matado kaj eldiri ĝin en la senco de la sinmatigo: Blanko komencas kaj devigas Nigron mati Blankon. La primitiva ideo kun la sola R estas videbla en la apuda diagramo. Tie estas la blanka R aktiva, kaj ordonas al la Nigro ludi laŭ la volo de tiu ĉi sola R.

*Solvoj de la problemoj:*

**N-ro 103:** 1. Tf8—e8, Rg1×h1, 2. Re1—f2, e2—e1, 3. Tf8×e1 m.

**N-ro 104:** 1. Tg8—a8, Kf3×a8, 2. b6—b7 ktp.; 1.... laŭvole, 2. Ka6—b7 ktp.

**N-ro 105:** 1. Kh4—f2, Rf4×e4, 2. Ĉf5—g3+, Kh2×g3, 3. e2×f3 m.; 1.... d5×e4, 2. e2—e3+, Rf4—g5, 3. Kf2—h4 m.; 1.... Da8—f8+, 2. Ĉf5—d6+, Df8×f6, 3. e2—e3 m.

**N-ro 106:** 1. De8—c8, Ĉf8×d7, 2. Th6×h7, Ĉf1 matas; 1.... Ĉf8—e6, 2. Ĉe2×d4+, Ĉe6×d4 m.; 1.... Ĉf8—g6, 2. Ĉg2×h4+, Ĉg6×h4 m.; 1.... Kh7—g6, 2. Th6×h5+, Kg6×h5 m.; 1.... Kh7—g8, 2. Td6×d5+, Kg8×d5 m.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 92, 93, 95, 97 Princo Bahmen Shidani, Teheran (Pers.); 97, 98 Ginĉjo Grabowski, Hagen (Germ.); 97, 98, 99, 101, 102 Dim. Il. Orozov, Vraca (Bulg.); 99, 101 H. Sentis, Grenoble; S. Frantz, Paris (Franc.); G. Menzel, Breslau; 99, 101, 102 H. Böhme, Tuttendorf; 99, 100, 101, 102 M. Pohl, Gera-Zwötzen (Germ.); R. Koerselman, Voorst (Nederlando); 99, 101, 102 W. Smoleń, Grabów-Zychlin (Pol.)

*Korespondo:* S-ro G. Menzel, Breslau. Dankon por la afabla letero. Ne estas eble alporti en la tuj sekvanta gazetnumero la nomojn de la solvintoj, pro ke la presmatrico devas esti preparata jam unu monato antaŭ la gazetapero. — S-ro P. Bahmen, Shidani, Teheran. Bedaŭrinde mi ricevis nenion. Verŝajne vi notis pri la ŝako en la korespondo sendita al UEA. La Centra Oficejo, estante superŝutata per multega laboro, ne povas rilati kun mi. Tial ne estas eviteblaj la perdoj de similaj sciigoj. Bonvolu ĉiam uzi la supre presitan adreson. —

*Atentigo:* S-ro José Joaquín Gómez en Sanchez, Republica Dominicana plendas pri tio, ke la ĉefverkoj de la ŝaka literaturo multnombre eldonitaj en la germana lingvo povas esti nur penplene kaj nesufiĉe komprenataj de alinacianoj kaj apelacias al la eldonistoj provi la eldonadon de esperantaj tradukoj. La plendo estas pli ol multe prava, ĉar tiuj ĉi ĉefverkoj estas ofte eldonataj kiel specialaĵoj por la tuta mondo. Ĉu la germanaj samideanoj ne povus tiu ĉi rilate influi precipe la firmojn Veit & Co. kaj Hans Hedewig, ambaŭ en Leipzig, kiuj ĉiujare dissendas siajn cirkulerojn pri la ŝakliteraturo en la mondon, ke ili atentu pri la konsilo aŭdiĝanta de la malproksimaj Antilioj? Decas provizi la merkaton per la serĉata varo.

Esperanto-Presejo Magdeburg-N